# La KancerKliniko

**Politika Kultura Skandalema Ajnista**

Aprilo-Majo-Junio 2008 n° 126

4,40 €


## monde...

## inflama ĉin-flamo...

**Ĉina handikapulino helpis olimpian flamon plu iri Ĉinien**

***Ĉu l' heroino fumis haŝiŝon ?***



ISSN 0398-5822

## Movade...

**Mizerulino ! Eĉ ĉe-mizon ŝi ne havas !** PIV-B

*Plia SATano forfuĝis...*

*Jen kial SAT perdas aliĝantojn :*

**Toĉemizaj varbiloj** *'stas fakte* **tokse misaj varbiloj !**

*Tia T-ĉemizo ja tute ne akcepteblas !*

*For !*






*Vidu kiel prava mi estas ! Ĉu ne pli bone ?*





# Perantoj

| | |
|---|---|
| ARGENTINO 18 € | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres. R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO 22 € | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo 143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO 22 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO 18 eŭroj | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| BRITIO 22 € | Esperanto-Asocio de Britio, Station Road, Barlaston, STOKE-ON-TRENT, ST12 9DE, Britio. |
| ĈEĤIO 14 € | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1, CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO 22 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv. 2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 & +45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO 22 € | Al la ĉefo (apuda paĝo) + UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, 75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO 22 € | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven Wiclefstr.9, D-10551 Berlin Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO (Eŭskio) | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa 20080 Donostia, Gipuzkoa. |
| (Katalunio) 21 € | Kataluna Esperanto-Asocio, Ap, 1008 08200 Sabadell |
| HUNGARIO 14 € | Besenyei Anna, Szerémi ùt 21 IV 20, HU-1117 Budapest |
| ITALIO 22 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO 22 € | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16 Takasago-si, Hyogo-ken, 671-0122 |
| KANADO 33,2 CAD | Yves Bellefeuille. 2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO 14 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic Sveti duh 130, HRV-41000 Zagreb + Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO 14 € | LitEA, p. k. 167 LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO 22 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64 Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO 14 € | Jerzy Handzlik, 43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUMANIO 14 € | Sigmond Julia, 400310 Cluj-Napoca, Str. Vlahuță 7/6 |
| RUSLANDO 14 € | Halina Gorecką, RU-236039, Kalingrad, k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO 22 € | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8 SE-242 35 Hörby |
| USONO 27$ | ELNA, Inc. C.O., PO Box 1129, EL CERRITO, Cal. 94530 |

**aviadile aldonu 1 €**

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 15 eŭroj**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

### La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Korespondа debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 18. **Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj**, G Waringhien | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eliade, trad. I.Oneț. | 4,40 € |

### La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

### La KancerKlinikoteko

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |
| 4. Kompendio pli blazonoj, S. Sire **reeldono** | 4,00 € |

### Speciala numero

1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) 5,00 €

### Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** 18,00 €

(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

**Libroj** (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

**La KancerKliniko**
*Kultura, politika, skandalema, ajnista*

**lkk@free.fr**

**N° 126**
**Aprilo/majo/junio 2008**

Directeur de la publication
**Ĵak Le Puil**
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1012K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 22 €**
(ekde 14 € fakte)
Ĝi komenciĝas iam ajn tra la jaro

4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR44 2004 1000 0112 7297 3x02 088
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj aŭ UEA: klik-g

**Nia memoraĵisto**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Serge Sire**
**Ĵak Le Puil**
**Michel Duc Goninaz**
**Laŭrenco Septier**
**Mao Zifu**
**Kris Long**
**Manuel de Seabra**
**Hu Guozhu**
**Ionel Oneț**
**Anatolo Gonĉarov**
**Arnau**
**Gennadij Turkov**
**Mikaelo Bronŝtejn**
**Peter Browne**
**Fra Gaeta**
**Jopetro Danvy**
**Armela**



# Olim...pikoj!

Mi ja komplete fajfas pri tiu maskarado, kiu de longe ne plu rilatas al sporto, sed nur al mono kaj politikaj manovroj. Sed kiel eskapi vortludon? Kaj eĉ plie mi devas, por posteuloj, iom klarigi la kovrilpaĝon. Jen: post subpremo de ribeluloj en Tibeto, multaj homoj en multaj landoj manifestaciis dum sportistoj kuris kun la olimpia flamo. En Parizo juna ĉina handikapulino devis protekti la flamon, kiun homoj volis forpreni. Tial ŝi iĝis heroino en sia lando!

Sed ni revenu al ĉi numero. 32-paĝa ĝi estas. Malgraŭ la apero de "BA" kaj de "Spegulo", pli kaj pli da materialo ni ricevas, kaj baldaŭ ni povos slogani: "LKK, la zageto, kiu havas pli da kunlaborantoj ol da abonantoj!"

Bonvenon al nova kunlaboranto el Rusio, Anatolo Gonĉarov.

Krom la kutimaj rubrikoj de Le Puil, Septier kaj Duc Goninaz, la kutimaj deliraĵoj de Sire, la regula poempaĝo de Fra Gaeta, jen novelo de Mao Zifu, William Empson en traduko de Kris Long, poemoj de de Seabra, Guozhu kaj Ionel Oneț, eseo pri Spomenka Ŝtimec de de Seabra, komikso de Arnau, sekvo de Eneado esp-igita de Turkov, antaŭbalota letero de Bronŝtejn, sekvo de "Verakruco" kaj poemoj de Browne, fino de "Kun sako sur la dorso" de Huysmans en traduko de Danvy, iom da "Legi"-kaj tre magra LKK-bis, kie mi eĉ ne havis lokon por paroli pri la disko "Sen lim' ĝis" de Duoble unu. Mi havis la ŝancon spekti tiujn kantistojn en la SAT-Amikara-kongreso; perfekta simbiozo inter Patrik kaj Fransŭaz'; Patrik perfekta gitaristo kaj granda klaŭno, kaj Fransŭaz' kun sia malgranda akordiono, sia bela voĉo kaj sia gracio. Do ne nur aŭskultu, sed ĉefe spektu ilin!

Bonan legadon, dankon al malavaraj reabonantoj kaj subtenantoj. Ne malatentu niajn "vendataĵoj"-n. Eble ni povos plu esti 32-paĝa...

***Ĵak Le Puil***

## Enhavo

# La Kuracoservo

## *Ĵak Le Puil*

**68**. Ĉu vi memoras? Ĉu vi jam aŭdis prie? Ja do antaŭ kvardek jaroj... Kaj mi bone memoras ke, kiam mi estis 18-jara, kvardek jaroj antaŭe okazis la fino de la unua mondmilito – 1918! Ŝajnis al mi, kiel pradiluva evento! Nu, 1968 hodiaŭ tutcerte same aspektas por multaj homoj.

Tial la tiamaj malaprobantoj, kiel la nova franca prezidanto, kiu en tiu epoko manifestaciis kontraŭ la fiaj "goŝistoj" povas kredigi ke ĉiuj hodiaŭaj malglataĵoj venas de tiu periodo; la perfiduloj iliaflanke povas verkadi, kaj vendi siajn memorlibrojn; kaj la fideluloj povas nostalgie revivi tiujn tagojn, kiam homoj parolis kun homoj sur la stratoj, kiam regis granda ĥaoso, kiam strikis amaso da laboristoj, kiam oni kredis ebla krei "novan socion"!

Kaj tok! 68-jara estas mi hodiaŭ! Belaspektas fakte "68-jarulo". Des pli kiam oni pensas ke matematike grandparte de la pli maljunaj aĉuloj, teduloj, kanajloj, kiujn oni konis junaĝe – ĉu instruistoj, ĉu superuloj, ĉu najbaroj, ĉu militistoj, ĉu politikistoj, ĉu religiuloj – forlasis tiun mondon!

68-jara bedaŭrinde kelkaj ne atingas, aŭ apenaŭ superas... Mi pensas nun pri Claude Piron, Donald J. Harlow kaj kaj kaj pri Suni Kay (2002-2008) kiu "forpasis la 10an de januaro en Taipei, tri monatojn post kiam oni diagnozis ĉe ŝi cerban tumoron. Filineto de Gregory Kay, redaktoro de *Formoza Folio*, ŝi estis denaska esperantisto, kiu flue parolis la lingvon kaj scipovis multajn Esperanto-kantojn." (*Esperanto* de aprilo). Hej Suny, kial ni ne havis tempon renkontiĝi? Ni tiam eble povintus kune kanti, ekzemple *Mi ne volas enlitiĝi* de Bertram Potts... Sed eble vi estis filineto kiu ŝatis frue ellitiĝi... ne gravas, mi certas, ke vi ŝatintus tiun kanton, mi eĉ aŭdas vian rideton!

Mi ne skribos "Memoraĵoj el Germanio"-n por spiti al Laŭrenco, sed tamen ankaŭ en tiu najbara lando oni povas travivi neantaŭvideblajn kaj neforgeseblajn aventurojn. Mi, kun Armela en rulseĝo – sed poste pri tio – ĵus revenis de Aŭgsburgo, kie mi estis invitita por la 100-jariĝo de la esperanta grupo. Mi tie devis kanti kaj saluti je la nomo de mia grupo. Sed mi ne antaŭvidis ke mi devos kanti kun 10-jara, ĉarma kaj denaska esperantistino, Milena, cetere nepino de Stefan Maul (ja la ĉefredaktoro de iu magazino!) kanzonon, kiun eble ankaŭ Suny kantis... Jen la teksto:

Du elefantoj balanciĝadas
pere de araneaĵo
kaj konstatinte, ke ĝi eltenas,
vokas alian elefanton.

Tri elefantoj...
Kvar... ĝis naŭ

Dek elefantoj balanciĝadas
pere de araneaĵo
kaj konstatinte, ke ĝi ne eltenas,
falas ja ĉiuj sur la plankon!

Kaj ja tiam Milena brile falis sur la plankon, kion mi tute ne kuraĝis fari, ĉar fali kun gitaro mi ne speciale kutimas!

Sed kial do Armela estis en rulseĝo, angore demandas vi? Tutsimple ĉar, la unuan tagon de la SAT-Amikara kongreso, ŝi falis – kvankam ŝi ne balanciĝadis kun naŭ elefantoj – kaj rompis al si kaj tibion kaj fibulon. Vi komprenas ke tiu tutmonda evento, pri kiu jam raportis Flo en la maja numero de "La Ondo de Esperanto", ne povis esti silentigita de *LKK*. Sur la stratoj de Aŭgsburgo ŝi atente observis la plej etan pavimon neregulan kaj tuj kriis: "Ĵak, rigardu, atentu, fu!", dum Stefan diskrete ekridis!

Tamen grandan avantaĝon de rulseĝo ni konstatis en la urbodomo, kie la urbestro akceptis nin. Dum ni ĉiuj staris por aŭskulti dum longaj minutoj, ke Esperanto ja tre valoras, babil' babil', ke ĝi helpas al paco, babil' babil', kaj aliajn gurdaĵojn, kiujn kutimas fari politikistoj, kiuj komprenēble eĉ ne konscias ke konsekvence ili fajfas pri paco, ĉar Esperanton ili mem ne parolas, Armela trankvile sidis en sia rulseĝo! Same post la aliro al la bufedo, nur ŝi komforte povis trinki vinon!

Sed nun mi min demandas ĉu Armela ne volis solidari kun la juna ĉina handikapulino (vidu la kovrilpaĝon), kiu sur la stratoj de Parizo kuraĝe defendis la olimpian flamon. Nu, nur sakon Armela tenis en siaj manoj, sed mi povas aserti al vi ke se iu ul' volintus ĝin forpreni, ŝi kuraĝe ĝin protektus kaj eĉ ne bezonus helpon de policistoj! Sed kial mi parolas pri policistoj? Nur ĉinaj sportistoj helpis la heroinon, ĉu ne?

# El la taglibro de nekuracebla optimisto (sekvo)

*Michel Duc Goninaz*

**la 23an de januaro 2008.** En la pasintaj paĝoj de mia taglibro mi iom tro optimisme kaj facilanime asertis, ke Belgujo ne plu ekzistas. Ĝi ja ekzistas. Memorindas tiu anekdoto el la komenco de la 20a jarcento. Iu entuziasma kaj romantika revoluciemulo kriis "Ekzistas nek dioj nek patrujoj!", kaj sobra realisto admone rebatis : "Ekzistas ja dioj, ĉar ekzistas preĝejoj, kaj same ekzistas patrujoj, ĉar ekzistas kazernoj". Cetere, iom poste, en 1914, ĉiuj povis konvinkiĝi, kiom ekzistas la patrujoj. Nu, mi devas konfesi, ke ankoraŭ nun ekzistas Belgujo, ĉar ankoraŭ ekzistas belgaj prizonoj. Pruvo unika, sed nerefutebla. Mesaĝo de la redaktoro de *Monato* ĵus sciigis al mi, ke mia kolego Petro De Smedt, kiu senĉese, zorge kaj fidele laboras por plibonigi la enhavon de nia *Plena Ilustrita Vortaro* kaj mem kompilis Esperantan-nederlandan vortaron, jam plurajn semajnojn sidas en aĉa malliberejo de Dendermondo (ankoraŭ ekzistas belgaj urboj, almenaŭ tie, kie ekzistas prizonoj). Akuzon pri seks-atenco, laŭdire okazinta antaŭ dek jaroj, faris kontraŭ li mensmalsana junulino. Ŝia denunco sufiĉis, por ke la enketistoj rigardu lin kuipa. Kiel mi rimarkigis plurfoje dum la pasintaj jaroj en ĉi tiu taglibro ( i.a. en *LKK*, n° 111/2004 kaj n° 117/2006), tio estas la rezulto de la popolaĉa histerio kontraŭ "pedofiloj" (*pederastoj* en normala esperanto). Tiu kolektiva kreteneco laŭte manifestiĝis dum la pasintaj jaroj en Britujo kaj Francujo, sed Belgujo tenas la ĉampionecon en tiu fako. Ĉampioneco estas ja senduba pruvo pri ekzisto. Laŭdire baldaŭ okazos iuj sportaj konkursoj en Pekino — do estos multaj ĉampionoj. Tio pruvas la ekziston de Ĉinio : ĉi tiun realaĵon mi devas rigardi kun apertaj okuloj, eĉ se tio detruas mian bonhumoron.

**Februare.** Petro estas liberigita, sed provizore. Lian blogon legu ĉe http://www.ipernity.com/home/petro_desmet/?lg=eo : vi konvinkiĝos, ke la sola, sed solida pruvo pri la ekzisto de Belgujo estas ties prizonoj, policistoj, juĝistoj, provosoj, advokatoj, psikiatroj kaj prizonaj pastroj. Petro deklaris, ke post eventuala liberigo li ne plu volos vivi en Belgujo. Kial tiu stranga decido, kiam la ekzisto de Belgujo estas tiel konvinke demonstrita? Ĉu li volas peti politikan azilon en Ĉinio? Aŭ eble en la dolĉa Francujo, kie regas la homaj rajtoj? Mi povas aserti, ke en tiu bela lando, kiun mi iom konas, ekzistas krimo pli grava, ol seks-atenco al sendefenda neplenaĝulo : paf(ad)o al armitaj policistoj. Pruve : por tio oni favoras denuncadon tre konkrete, t.e. per mona rekompenco. Do, se en la venonta *LKK* mia taglibro forestos, ĉar mi sidos en prizono, ne tro miru. En Francujo ekzistas multaj homoj, bezonantaj monon.

**la 27an de januaro 2008.** Jen nova pruvo, ke neŝancelebla optimismo ne povas esti ĉiutaga. Hodiaŭ mi tre malĝojas. Mortis en hospitalo la indonezia eks-ŝtatestro Suharto. Mi ĉiam tre malĝojas, kiam (eks)ŝtatestro mortas alimaniere, ol Ceauşescu aŭ Sadam Husejn.

**Komence de februaro 2008.** Mi menciis en la januara *LKK* la bonegan artikolon de Zbigniew Galor en *La Ondo de Esperanto* pri la politika situacio en Pollando. Ŝajne tiu Galora kaj valora artikolo ne ricevis ĉies aprobon. En la februara *Ondo* aperas ĉefverko de ksenofobio kaj rasismo, inda je *Radio Maryja*, fare de iu sinjoro Łaba, kiu proteste kontraŭ la publikigo de tiu artikolo, interalie deklaras, ke "sufiĉe kalumnias polojn kaj Pollandon judoj, germanoj kaj aliaj — precipe okcidentanoj".

Sinjoro Łaba strebas esti perfekta pola patrioto. Ne tute trafe, ĉar perfekta pola patrioto devas akuzi ne nur germanojn kaj aliajn "okcidentanojn" (li ne precizigis, ĉu tiu "okcidento" inkluzivas Usonon!), sed ankaŭ rusojn, pri kiuj li tute silentas. Sinjoro Łaba konkursas por esti perfekta pola faŝisto, sed ne plene sukcese : perfekta pola faŝisto devas akuzi ne nur judojn, sed ankaŭ komunistojn kaj framasonojn, kiujn li ne menciis. Sinjoro Łaba devas ankoraŭ klopodi por pliperfektiĝi.

Al sinjoro Łaba ne plaĉas, se oni "malhonoras la naciajn heroojn". Ĉiu cerbohava nuntempulo scias, ke la famaj "naciaj herooj", kiujn honoras la ŝtataj propagandaĉoj, estas plej ofte grandskalaj murdistoj. Mi sufiĉe bone scias, kiom valoras la "naciaj herooj" de Francujo. En la historio de Ruslando, kiun mi iom esploris, mi trovis unu homon, kiu povas esti nomata *heroo* ne nacia, sed homa : Leono Tolstoj. Lia verdikto pri la ideologio de sinjoro Łaba estas senapelacia kaj plu aktuala : "Патриотизм есть рабство" (Patriotismo estas sklaveco).

(daŭrigo paĝo 8)

# Ĉinaj memoraĵoj (8)

## *Laŭrenco Septier*

### Urĝas !

Kiel kutime, ĉiun tagon je la sama horo, mi provas trovi taksion por iri ĝis la *jinggui* [1], traŝlime marŝas ĝis miaj nigraj ŝuoj ekaspektas grizaj, kiel kutime pluvis, pluvegis, koto kotas kaj ŝlimo ŝlimas, finfine taksio alvenas, mi sidiĝas apud la ŝoforo kaj fulm'ek'al ... en la stratoj multas konstruoj, tie oni detruas, ĉi-tie oni konstruas, trafiko malfacilas, hieraŭ oni iris maldekstren, hodiaŭ ne eblas oni devintas dekstren iri ... mi ne scias kial, la ŝoforo tuj alparolas min, de kie mi venas, kion mi faras en Chongqing, kie mi lernis la ĉinan, ĉu mi havas infanojn ... kutime la ŝoforoj jes ja alparolas la klientojn sed nur kelkajn sekundojn, poste ili ŝoforas ... sed ne li, li daŭrigas l' aferon : kion mi pensas pri tio, kion mi diras pri tio ? Krome li parolas la lokan dialekton, mi absolute nenion komprenas ... mi ŝajnigas, ke mi komprenas sed pli kaj pli komprenas nenion ... li stiras pli kaj pli rapide, parolas pli kaj pli rapide, mi ektimas, ke la fina fino baldaŭ alvenos ... ni subiras tunelon, ankoraŭ pli histerie li krias, kvazaŭ lia vivo estus necerta, kvazaŭ io gravega minacus, mi ektimas, ke eble li estas komplete freneza, eble lia kunulino, lia filo, lia filino, ĵus mortis, la doloro estas neeltenebla ... nun li eĉ levas la manojn ! ne plu tenas la stirilon ! kien ni iru ? rekte en ... el ... Liaj paroloj pli kaj pli rapidas, komplete konfuzaj, mi nun vere timas ... Ni eliras la tunelon, mi provas ekkompreni tion, kion li provas diri, eĉ li klopodas paroli per *putonghua* [2] sed vane, nun li tro konfuze preskaŭ vomas l' parolojn ... mi nur komprenas liajn lastajn vortojn : ni haltas haltu tuj tuj, haltu jen jen, stop !!!

Li malfermas la pordon, ekkuras freneze eksteren ... ĝis la taluso, kaj ... ekpisas !!! Pisas longan tempon ... mi komprenas ... li revenas ridante, ankaŭ mi ekridas ... jes ... li nur volis diri tion, ke li nepre devis pisi, ke li ne plu eltenis !!! Ni kune ekridegas ĝis la *jinggui*-stacion ...

*Rimene*

Hodiaŭ ĉio malbonis, mi devis iri al la urba policejo ĉar la idiotoj, kiuj invitis min en Songzhuang artista-vilaĝo forgesis deklari mian ĉeeston ... la policistoj "intervjuis" min tri horojn, iomete teda l' afer' ... mi nur ricevis oficialan admonon sen pagi (aldonan !) monon ... certe ĉar mi estas iu "moŝto", artisto, profesoro, speco da VIP ktp., mi revenis al la vilaĝo post unuhora teda taksiado ... ve, mia kutima restoracio jam fermiĝis, mi ne scias precize kien mi povus nun iri por manĝi ion ... krome malvarmegas, vento blovegas, polvo grizas ĉie ... Mi marŝas malrapide, malgaje, la fino de mia ekspozicio ĉi-tie estas iomete duonfuŝa ...

Antaŭ mi, mi ekvidas etan silueton, etan knabon verŝajne, tute enpeltigita, mi eĉ ne vidas l' okulojn, li iras al mi, malrapide, kvazaŭ la vento puŝus lin, li marŝas malrapide sed regule, fojfoje turnas la kapon kaj rigardas malantaŭ si ... li havas bluan ŝnureton en la mano, ŝnureton kun pluraj nodoj, probable li mem faris tion, tiu ŝnuro aspektas kiel rimeno, tutcerte estas hundo ... la knabeto daŭre alproksimiĝas, same regule kaj malrapide en tiu stranga atmosfero, polvo, vento, malvarmo ... de tempo al tempo li rigardas malantaŭen ... ŝajne tre valoran aferon li tiras ... nun li pasas apud mi, ne rigardas min, silente, serioze daŭras sian vojon, kaj mi vidas tion, kion li tiras per lia blua ŝnuro, jen grandega platana folio ... platana folio ... fulmo, platana folio ... Kia poezio! Mi estas kortuŝita tiagrade, ke mi preskaŭ ploras ... rigardas tiun knabon daŭrigi sian vojon kaj malaperi en la polvo, en la vento ... mi ŝanĝas l' opinion : hodiaŭ mi vidis tion, hodiaŭ ĉio bonas ! Ĉio nun glatas !

*************************

[1] En Chongqing, tio estas la tre moderna pendtrajno kiu iras de okcidento al oriento (kaj eĉ reciproke).

[2] La t.n. "komuna lingvo", oficiala parola lingvo tra l' tuta Ĉinio, kiun ĉiuj Ĉinoj devas paroli krom la propra dialekto.

# Ruĝa rubando

*Mao Zifu*

Estis varmete en printempo tiujara de la vilaĝo. Ĉie pulsis impulso de planto kaj dezirego de animalo.

Krepuskiĝe. La suno prodige donis sian kison antaŭdorman al la ventro de la tero vaporblova.

Paŝtante bovon sur la okcidenta flanko de monto, Flora plukis furaĝon porporkan, kun bambu-korbo ĉirkaŭ la maldekstra brako, kaj falĉilo en la dekstra mano.

Jes ja, Flora estis floreska. Ĵus dek-ok-jara, ŝi havis la vizaĝon kaj figuron kvazaŭ mulditajn el delikata desegnaĵo. La kurboj, pozicioj, proporcioj... - neniu parto estas kun makulo. Kaj la mieno, pozo, tono... - ĉiu karaktero estas perfekta. Kutime, ŝi per silka ruĝa rubando ligis la mezlongan hararon sur la postkapo, kvankam senatente, ĝuste tiel, ŝia elstareco de natura juvelo montriĝis neafekta.

Kiam ŝi metis la falĉilon en la korbon kaj pretis iri hejmen, serpento vidiĝis ĉe vojeto sub ŝia piedo. Krietante, ŝi kuris al la montpiedo, kie Onklo Mefisto fumis, sidante sur granda roko kaj ankaŭ paŝtis sian bovinon. Preskaŭ atinginte ĝis li, pala ŝi duone svenis anhelante. Ŝin subtenis Mefisto per siaj manoj kaj maltrankvile ĉuis: "Kio okazis?"

"Serpento! Griza serpento sur la vojo!"

Mefisto ŝin apogis sur la roko, prenis la trancîlon el ŝia korbo, kaj same rapide kuris supren al la loko, kie eble la serpento ankoraŭ kuŝis.

Kiel atendite, eta griza serpento sin sternis ankoraŭ ĉe la rando de la vojeto. Ĝi avide ĝuis la krepuskan sunlumon, vekiĝinte nelonge el la vintrodormado. Boao senvenena. Ĝin kaptis Mefisto facile kaj kiel bantukon portis sur sia ŝultro. Svingante la pugojn, li reiris al Flora.

Kiam li proksimiĝis al la roko, subite Flora sian kapon turnis; ŝia buŝo preskaŭ tuŝis tiun de la boao. Be! Surprizite, ŝi falis senhelpe, svenis. Tute!

Ekis koŝmaro.

Sufokiĝo. Malfermo de la vesto. Premado de manegoj sur la koro. Cigareda odoro en la pulmon. Mordo de serpento. Doloro. Nesentemo. Venena likvaĵo en la korpon. Tuso. Voko sen eĥo. Apude, geiĝo de ŝia bovo kaj lia bovino.

Ŝvelo de ŝia ventro kaj ankaŭ de la bovina.

Bebo, vira. Bovido, ina.

Moko aŭdeblas tra la vilaĝo, sed paco regas la du familiojn.

La familio de Flora bezonas bovinon, dum la Mefista - li kun sia edzino, filon. Pli ol tridekjaraj, geedziĝinte antaŭ dek jaroj, ili nun havas nek filon nek filinon.

Konsentite: interŝanĝo de la idoj - la bebo apartenas al la geedzoj; la bovineto al la familio de Flora.

Parencoj de Flora proponas, ke ŝi edziniĝu al sia kuzo, idioto.

Rezignacii kontraŭ sia volo aŭ determini la sorton laŭ sia propra plaĉo?

Nokte, Flora, rajdante sur la bovineto, iras en la maron.

Ŝi ne estas Marvirineto, tamen volas fariĝi ŝaŭmoj. Ŝi estas pli bela ol Julieta, tamen neniu Romeo en la mondo volontas akompani ŝin tra la dilema situacio. Vivo por ŝi indas nenion ol suferon kaj mizeron.

Ĉe ŝia pensado nebule konfuza, ondego ŝin forvoras kaj la bovineton.

Flora malaperis el la mondo kiel vento. Nenia spuro.

Ŝin adiaŭis neniu krom tiu lunarko fada sur la ĉielo, kiu grimacis nesciante ĉu esti rida aŭ plora.

Mateniĝis. El la sonĝo ŝi vekiĝis.

Ŝi vekiĝis el ankaŭ sufokiĝo, malfermo de la vesto, sed premado de manetoj sur la koro, incensa odoro en la pulmon, akvo el la buŝo, tuso, voko...

Ĉirkaŭ ŝi staris monaĥinoj. Rideto naĝis sur iliaj vizaĝoj.

La amara mar-akvo forlavis ne nur ŝian mizeron sed ankaŭ ŝian memoron.

La monaĥinoj sciis ke ŝi estas nur "ŝi". La nomon kaj adreson? Tiujn ankaŭ ŝi mem forgesis, kompreneble.

Do, ŝi loĝis en la postkorto de la monaĥinejo sur monta deklivo fronta al la oriento.

Ĉiutage ŝi zorgis la bovineton, kiu kun ŝi ligiĝis vive kaj morte. Anstataŭ paŝti ĝin rekte sur la deklivo, ŝi kolektis herbaĵon ekster la korto kaj ene tenis la bovineton - ŝia savinto dankinda, tia almenaŭ ŝi prenis ĝin.

La vegeta vivo ne sentigis al oni la flugon de tempo. Palpebrume, dek jaroj pasis. Florado kaj velko estis aferoj de planto; ŝanĝado de vestoj kaj ŝuoj laŭ sezonoj, bagatelo de la monaĥinoj. Dume ŝi restis ankoraŭ ŝi. Eble pro nepovado rememori, eble pro intenco kaj volonto forgesi, ŝi travivis la jarojn sen ploro kaj rido. Nenia okazaĵo povis voki ŝiajn impulson kaj deziron. Kompreneble en la monaĥinejo la vivo mem estas vegetara, tute sen sango kaj viando.

La monto ne estas sankta kiel landlimo netransirebla kaj la pinto, ne alta kiel tiu de Himalajo tro malfacile atingebla, sed preskaŭ neniam okazas intervizitado de la popoloj respektive loĝantaj sur la montobazoj orienta kaj okcidenta.

Iutage, kiam ŝi detranĉis freŝan nutraĵon sur la monto kiel kutime, la bovino, jam sufiĉe plenkreska, ĉiam kvieta, subite rompis barilon kaj impetis sur la montsupron. Ĝin ŝi postkuris.

Ĝuste tiam cunamo venis.

Ŝi kun la bovino rapide atingis la pinton. Tie, neatendite, iam antaŭ ŝi troviĝis knabo ĉirkaŭ dekjara, kiu, spite la postan diluvon, gapis al la kajto falinta sur arbeto iom pli alta ol li pro subita okcidenta ciklono. Ĉe li estis boao kun la kapo supren. Ŝia rigardo renkontiĝis kun la

ĝia; tondro eksplodis en ŝia kapo. Ŝi fulme kuris al la boao kaj ektranĉis la kapon de la boao for. La sango ŝprucis sur la bruston de la knabo. Li ne konsciis, kio okazis, nur manĝis ŝian vizaĝon per la okuloj naivaj kaj ardaj. Ŝi kaŭriĝis antaŭ li por manike viŝi la sangon sur lia vesto.

"Kial vi ne panikiĝis de la boao, knabo?" ŝi mire demandis.

"Ĝin kiel ĉevaleton mia patro nutras..." respondis la knabo ŝajne aplombe.

Dum la interparolado, ŝi levis sian kapon iom post iom. Ŝian atenton kaptis ruĝa rubando ĉirkaŭ lia kolo. La rubando rememorigis al ŝi ion.

"Knabo, vi ne estas knabino, sed kial vi portas la rubandon ruĝan ĉirkaŭ la kolo?" ŝi rompis lian parolon, evidente kun esplora tono.

Englutinte salivon, li ankoraŭ avide rigardadis ŝiajn okulojn, kaj diris:

"Antaŭ pluraj jaroj, mia Panjo forpasis. Ekde tiam Paĉjo instruis min fari kajtojn kaj sur ili pentri portreton de juna virino. Li sciigis al mi, ke mia alia Panjo loĝas trans la maro, kaj admonis min ofte flugigi la kajtojn sur la flanko de la monto kiam orienta vento leviĝis, esperante ke iu el ili falos trans la maron kaj eble ie trafos ŝin. Ĉiufoje, kiam mi flugigis kajton, mi devis porti tiun ĉi ruĝan rubandon ĉirkaŭ la kolo, kiun Paĉjo trovis ĉe la bordo post ŝia deiro; tiel, probable ŝi min rekonus, se ŝi revenus kaj preterpasus min survoje. Krome, Paĉjo diris al mi, ke la boao donis al li feliĉon, do mi ŝatis ludi kun ĝi."

La knabo iom frumatura rakontis la historion senĉese, kvazaŭ recite, timante ke ŝi refoje ne lasus lin findiri ĉion. Studinte jen la portreton sur la kajto pendanta de la arbeto jen ŝian vizaĝon, finfine, li kriis: "Panjo!"

Lin ŝi brakumis strikte. Tiam Flora ekrememoris ĉion, kion ŝi spertis.

Apud ili la bovino muĝis. Eĥo ruliĝis super la ĥaosa mara surfaco.

Ŝi kovris liajn okulojn malsekajn per la ruĝa rubando, por ke li ne vidu la mondon tragedian sub ĉirkaŭ la supro.

---

## El la taglibro de nekuracebla optimisto
(sekvo)

**Iam en 1969** (tiu ĉi taglibro estas vere senorda!). Mi recenzas la unuan numeron de *Juna Amiko*, en kiu estas pozitive prezentitaj la "Olimpiaj ludoj", kaj esprimas dubon, ĉu oni fuŝu la infanajn cerbojn per motoj, kiaj "pli alten, pli rapide ktp". Mia rimarko ne plaĉis al iu defendanto de tiuj cerboŝtopaĵoj : li rebatis, ke al la infanoj oni ne instruu nihilismon. Tiu rebato ŝajne signifas, ke, se oni liberigus la infanojn disde ĉiuj kretenaĵoj, kiujn trudas al ili la ĉirkaŭa socio, restus nur *nihil*, tio estas "nenio". Tre pripensinda konfeso!

**Dum aprilo 2008.** La t.n. "Olimpiaj ludoj" plu ekzistas. Ili ja havas gloran pasintecon : en 1936 sub la patroneco de Hitlero, en 1980 en Moskvo, ĝis 1989 kun la partopreno de orientgermanaj atletinoj, konvene hormonizitaj. Do ĉi-jare en Pekino, kaj konsekvence (laŭ la ideologio de la ŝtato-adorantoj) en Ĉinio, kun granda zorgo de la tiulandaj registoj kaj la atendita ĉeesto de multaj alilandaj regnestroj, ministroj, ambasadoroj ks, flirtigado de ŝtataj flagoj kaj aŭdigo de ŝtataj himnoj. Kiel diras la admirantoj de tiu spektaklaĉo, "oni ne konfuzu sporton kun politiko"!

Mi do ne povas plene konsenti kun tiuj, kiuj manifestacias kontraŭ la Ĉinia politiko kaj tamen defendas la principon de tiuj interŝtataj, do politikaj, "sportaj" ludoj. Tiom pli, ke, se ne okazintus la ĵusa masakro de ribelantaj Tibetanoj, tiuj bravaj defendantoj de la retorikaj "homaj rajtoj" akceptus kunveni senrimorse kaj senproteste en sporta spektaklo, organizita de la profesiaj murdistoj, regantaj Ĉinion.

Tamen mi ne estas senkompromisa maksimumisto. La manifestacioj havas pozitivan flankon : ili povas iom ĝeni la propagandajn klopodojn de la ĉinaj murdistoj kaj eble eĉ evidentigi la kretenecon de la tuta organizo, precipe de la cirka migrado de la "olimpia flamo", protektata de miloj da policistoj ("nepolitikaj", kompreneble!). Samtempe ili evidentigas la hipokritecon de la laŭdire "demokrataj" ŝtatoj, kiuj bonvolas esprimi ioman, pure formalan, kritikon pro la malrespekto de la homaj rajtoj en Ĉinio, sed esence volas konservi bonajn rilatojn kun la tieaj tiranoj, ĉar ili havas en tio ekonomian intereson. Kiam kapitalistoj parolas pri "homaj rajtoj", ili nur elsputas mensogojn.



# Bakĥo

Naskita fulmrebate di' ekridis,
  (*Simbolcimbale dividit' ekvidis,*
  *el supr' eltordis tersopiran forton.*)
spritfermis fajran tersublimretorton -
kaj kirlo, stelbril' en homaro, sal'
  (*Ĉu tera map' - en glas' - aŭ stelatlas'?*
  *Eĉ ter' en homo restas ter', subtila.)*
maltrankvilakvis ĝis spiritdistilaj
vinlarmoj floris en flakonkrepusk',
  (*Plej rondaj malplej krevas pro la task':*
  *fragila vitr' eltenas pli ol rok'*
  *varmardon, starus vaze sen apog'*
  *se ne fiksita ĉe l'ĉiel' krom ter'.)*
gutante maren malgraŭ l'seka mok':
Pli sala solv' ol sango, marbier'
patrina, l'akv' el kiu sango fontas,
vivsang' aŭ ajna sango vinfaronta.

Diluvon l'arketeko luvrespondis,
kruring' arkpinte puntstalonojn rompis,
  (*Minora cerbovolbravin' akceptis*
  *ke logos vort', Irispupil' protektos.*)
promenis birde sur forskua mar',
rondirgardante globon sur rempar'.
  (*Terove sur flormur' Kolombo sidis,*
  *ebrion per ekvilibrilo bridis.*
  *Dislimis lin al stel' el ŝaŭm' ondruloj:*
  *plugatan horizonton mapis bruloj)*
Kirlante nubserenon diatenc'
  (*kaj ĉu Narcis' en muta riverenc'...*)
elverŝis firmamenten, por fermento
  (*la flakojn uzu por ĉielspegulo?*)
l'apokalipsajn blindajn pavokulojn
de Hera (*cis kaj trans trofeoj,*
*kie planteblas tron' el or'*
*ankoraŭ;*
*ĥaos' inceste bredas permanente.)*
Tercentr' al Iksion-stirad' infera
  (*Laŭ kompasroz' apelaci' sinturnas.*
  *De ŝi naskite, la centaŭr' instruis*
  *heroon - ventran, bekan, frosteteran.*)
trompnubon kirlas, minborad' eterna.

Desupre fuĝis di' kun norma jard',
  (*Termezurante li per junka gard'*
  *Jerusalemon montris al Johan'*
  *- la novan, el rumplena sukerkan',*
  *kun fajro nepra por ellaborem'.*);
Instrustreĉita ŝnurserpenta trem',
kristal' ekstera - vitrokurba flam'...
  (*Kaliktrinkante laŭ tiranaklam',*
  *li dume mutas: vin' sen lim' aŭ bar'.*
  *Nazbrulon - jen! Hepaton - jen, homar'!)*
Ho ve, eteras tia agoni'.
Sufokas lin Kaŭkazaer-maldens'.
Li kuŝas daŭre sub operaci':
sub kloroformo flaras kloron sens'.
Detru' inundas ĉirkaŭ li: l'eben'
stalonojn paŝtas, kie staris gren'.

Etendas hermon varmogradmezur',
  (*Termino sin prisunas sur Merkur',*
  *vorthirte spacekstremojn lar' kunstaplas*)
facilanime serpoflirtas "ĉu?",
  (*Fekunda ŝtelo! Tuj Herold' establos...)*
formante fajron krom Eden' sen plu...
Frakaskonstante resonanta krak':
ĉiele krevas la planedo Bakĥ'.
Korĉerpis Eston astroidoj sekaj.
Tuj amalgamo kun hidrargo sekvis,
plumbtuboj - kun senpagaldone dom'
ne manfarita: ĉi krisol' arĝenta,
brakstumpa, marĉskvamar' orlamprongenda...
Li kuŝas: stras' por dorsoj de speguloj,
l'okuloj jam sen skvamoj de lepruloj...

Ŝi, kiun kaptis for en nubon di',
ŝtuparon grimpis kaj alvokis min
trans malesperabismoj transŝvebataj.
Brulbrue, kvazaŭ tra triumfaj arkoj,
ŝi vokis froti per oralb' la manojn,
nomante malesperon "kovi fajron".

El malespero fajrfarante, di'
projektis arkfalparabolan arkon,
fokuson horizonten projekciis,
alies fajron froste brulfokusan,
Araĥnan mem velantan per nubŝnur'.
Foton' spurkugla kun savŝnur-raket'
per fajra fasko spuron lasis pur'.

Ŝtalrondo post lanternoj de l'diĉaro,
Fajrrado kiu spanis ŝian kapon
levita supren tra nubrubo plu
en fajra robo ĉielalbe ronda,
dibrulo faris malesperon fajro,
postkradan fajron malesperpartet',
kaj volbojn sonorigis kaj ombrarkojn.

**trad.** ***Kris Long***

***

**William Empson** (1906-1984) aperis en frua *LKK* per soneto pri dentobrosado. "Bakĥo" aperis peco post peco dum 1933-39. (Laŭdire Dylan Thomas trovis ĝin la sola trafo de Empson.) En libro ĝi aperis kun komentario duoble pli longa ol la versoj. Empson poste pretendis ke temas pri la jaroj de Hitler...

Sed esence (mi resumas la komentarion) temas pri distilo - ĝis retorto krevas.

Pli detale (strofo post strofo):

1. Ebria stato, pli sprita kaj pli sentimentala, solvas kontraŭdirojn de l'vivo.
2. Neptuno aŭ Noa regas bolantan akvon - kaj la mondon, ĉar l'imago simpatias malordon. Sed vapornubo eniras el retorto flakonon: Junona igis Iksionon supozi nubon ŝi. Pavo simbolas Heran, ŝi ĵaluze blindas pro Zeŭsa malfidelo.
3. Provizas subretortan fajron Prometeo, turmente laborante por publika bono. Li sentas sin pli forta, sprita, aŭdaca, pretas krei novan mondon - sed rezultas mond-militoj.
4. Ebrio kvereligas, rivelante malakordon internan.
5. Merkuro alportas fine termometron por regi l'aferon per scioj - sed ĝi krevas kaj hidrargo fuŝas ĉion. Ebrineŭrozo.
6. Rondiron de la temo sekvas peco pri konkreta ebriulino: ebrio kreas sed samtempe kostas.

Kaj de verso al verso:
1. Dionizon (Bakĥon) naskis Semele post Zeŭsa fulmo.
2. Cimbalo sugestas dihoman Kriston kaj Bakĥon/Dionizon.
4 k 7. Pri 'sublimo' kaj 'subtilo' vidu PIV; 'sprito' sendas reen al 'rebato'.
8. Anĝelo movis l'akvon de Jerusalema lageto (Johano 5:2-4.).
9. 'Vinlarmas' efektive sur/en glaso parte plena de forta vino.
13. "Homo ne povas starti sola ĉar dependas de ĉielo kaj tero" (Empson mem)
14. "seka moko": antikva esprimo por ironio.
15-17. Sango pli parencas al mara ol sensala akvo; kaj meso faras vinon sango, adorantoj manĝas sian dion...
18. Noa post la diluvo plantis vinberĝardenon kaj "trinkis el la vino kaj ebriiĝis" (Genezo 9:20-21); 'luv' ĉar li velŝipon stiris.
19. Ĉu sufiĉe klara seksrilato? Marakvo - kaj vrakamo?
20 'minora' el 'min' kaj 'or'.
21. Irisa (ĉielarka) servas Zeŭson kaj Heran (vidu v.32) "Gardu min kiel la pupilon de l'okulo" (Psalmo 17:8) La Vorto (greke 'logos') el komence de l'evangelio laŭ Johano.
22. Jesuo sur akvo promenis; birdo raportis finon de l'diluvo.
24. Kolombo (ne la birdo, sed Kristoforo) dum festa manĝo starigis ovon surpuge, iomete rompante verton - por montri ion faritan facile refareble; kaj ovo sidas sur muro en "Alica...".
L'universo estas mistika ovo en ekz. "La Birdoj" de Aristofano.
27. "Ebria saĝo rompas ovojn" (Empson mem)
32. Pavo simbolas Heran - kaj rolas ŝajne per okuloj en Apokalipso 4:2-6 ("ĉielarko ĉirkaŭ l'trono" ktp)
39. Nefele, l'etera sozio de Hera, al Iksiono naskis filon, kiu fikis ĉevalinojn, kiuj naskis do centaŭrojn.
40. Ni glitas de l'ventra alembiko al sekva heroo, senventrigita Prometeo.
42. Ŝtelitan fajron Prometeo portis en fenkola tigo; drinkeblas (en Anglio) "jardo da biero".
43. En Apokalipso 21:12-15 anĝelo montras al Johano Jerusalemon supre: "mia kunparolanto havis mezurilon, oran vergon..."
45. Ĉu la prometea fajro estas rumo, por la ventro?
49. La verso kunfandas la perfidon de la reĝo al Hamleto (5.2) kun Marko 10:39, "Ĉu vi povas trinki la kalikon?" (Empson opiniis kristanojn tiranadorantoj.)
51. Brulas la hepato al Prometeo - kaj al alkoholulo ja.
53. Eble vitoj originis en regiono sude de Kaŭkazo, punloko de Prometeo.
55. Kloro (produktita el salakvo) estas la gaso de l'unua mondmilito; anesteza kloroformo povas difekti hepaton.
56-7. Empson renkontis ĉinojn, kiuj vidis japanan kavalerion treti rizon - sekvos evidente malsato.
58. Hermeso kaj Dionizo aperas ambaŭ en bildoj kiel hermoj, kolonoj kun homaj kapoj kaj penisoj. Hermeso laŭ romianoj estas Merkuro - kiu sugestas hidrargon.
59. Termino: vidu PIV.
60. Laro: hejma dio (krom marbirdo).
61. Hermeso (v.58) estas dio de retoriko; la serpento (serpentoj volvas bastonon en v.58) ekparolas kiel tiu en Edeno...
62. Iam oni nomis (britajn) ĵurnalojn x-urba "Merkuro"; ni havas nur Heroldon (kiu sendas re al Hera kaj Hermeso). Establi: "pruvi sendispute" (Butler)
63. La krevo kreis l'universon - kaj l'apokalipsan fajron.
65. Ekzistas efektive planedo Bakĥo - sed oni trovis ĝin nur en 1978!
67. Anĝeloj falis jam post 20 sekundoj (laŭ Milton, "Paradizo perdita", 29.49-51)
69. "Ne manfarita" kiel en Hebreoj 9:24. Laŭ Empson ekzistis en lernejaj laboratorioj krizolo arĝenta: hidrargenverŝo rezultis fatale. Sed vidu ankaŭ Predikanton 12:5-8 kaj la lastan romanon de Henry James.
71. Hidrargamalgamo tegas dorson de spegulo.
72. Kaj en spegulo homo vidas sin - do memkonscias.
73-92. Elegio al Filisa Ĥruŝĉov (1900-38, ŝajne ne parenca al poste konata politikisto), belulino kiu sin mortigis; ŝia edzo Boris posedis librejon ("Salamandron" en Arĝenta Strato - en Londono, ne Prago!) kaj kolektis afrikajn fetiĉojn.
83. Araĥna, perfortite de Atena, ne sukcesis pendumi sin.
87. Fajrrado: "Benata animo vi - sed ligas min / fajrrado, kiun miaj propraj larmoj / fandite plumbon brogas..." (R. Lear 4.6.43-5). Kp. la radon de Iksiono.
88. Nubrubo: facila rimo el "Prometeo Malligita" de Shelley (P.B.): "... triumfa ŝtormo fuĝis / abundo da kaptitaj nuboj: / senforma, nigra kaj rapida rubo"

## Revo

La matenruĝo altirante la birdojn
nenion klarigas.
Nur desegnas korvojn
kiel en tropika urbo.
La obscena maljunulo prepariĝas morti
en la nebulego.
Mi portas la koron en la poŝo
atendante la sekvontan revolucion.

***Manuel de Seabra***

***Guozhu***

## Rimportreto de Dengtuzi

Dengtuzi estis amorema.
La famon li ĝuis jarmilojn.
Ĉar li generis kvin gefilojn
kun turpa edzino vorema,

kiu ŝatas lin pistborema,
kontentigante la geilojn.
Dengtuzi estis amorema.
La famon li ĝuis jarmilojn.

Eĉ nun viglas diskut' blasfema,
retanoj ne ŝparas babilojn
kaj ŝanĝas inter si konsilojn.
Fine konkludo tiutema:

Dengtuzi estis amorema.

***Alexandru Vlahuță*** (1858-1919)

## Nedecidemo

Nun ni ambaŭ vere stultas!
Ĝutrezoroj en ni multas;
Ili iĝus arda flamo
Per temper' de via amo!
Ĉu sufer' estas balzamo?
Per via rid' tremigas min
Vi, de l' trezoroj la mastrin'.
Mi scias ke vi donus, se mi petus,
Vi scias ke mi prenus, se vi donus,
Sed ni suferas silente
Dum pasas la vivo torente,
Dezerta kaj trista kaj frida.

El la rumana tradukis **Ionel Oneț**

# Spomenka Štimec, la mezeŭropa plumo

## *Manuel de Seabra*

*Brokanta danko al Spomenka*

*Mi lasis la svedledajn gantojn*
*sur tri poŝtmarkoj sur kovert':*
*"Astrologion, du hagadojn...*
*Nu, ne supozu min ekspert';*
*sed - 254 dinarojn."*
*La nombroj sur hebrea skrib'.*
*Vi ŝanĝis miajn ordinarojn*
*en oron. Mi ne volas kribri...*

*Mi ne forskuos eĉ paperon*
*restintan en markfranĝa tru',*
*des pli vokalojn el oreroj*
*- pro via fingrospur' en glu'*
*jam svedlanuga. Man' englitas*
*plej delikate. Tra l'gantrond'*
*mi portas viajn diakritojn:*
*apenaŭ pezas via mond'.*
(Meva Maron)

Ne unuafoje mi parolas pri tre speciala karaktero de la esperantlingva literaturo. Mi klare distingas almenaŭ du karakterizitajn tipojn en ĉi tiu kultura areo: la literaturo esperantista kaj la Esperanta literaturo. La Esperanta literaturo (aŭ nur literaturo) estas tiu, kiun oni povus krei en iu ajn alia lingvo. Ĝi ne dependas esense de la lingvo sed de aliaj faktoroj, apartenas al la ĝenerala fluo de la monda literaturo kaj povas esti difinita kiel posedanta universalan kategorion, kiu tute ne dependas de Esperanto. La alia tipo de literaturo, kiun per facileco oni povus kvalifiki kiel esperantista literaturo, estas la korpo de literaturo verkita en Esperanto, kiu havas kiel ĉefa temo la Esperantan Movadon mem. La esperantista literaturo disvolviĝas plej ofte pri la eternaj komencantoj, la lingvaj kursoj, la inter- aŭ nacia korespondado[1] kaj la kongresoj kaj ekzistas ĉirkaŭ la pli-malpli frivola vivo de la grupoj sub la verda standardo, la kluba klaĉado kaj ĝia plej drama afero estas Esperanto (kiel edzperanto aŭ ne) aŭ la heroa vivo de la pioniroj. Certmaniere oni povas kompari tiun literaturon al la regiona aŭ folklora literaturo rilate al etnolingvoj aŭ eĉ, en certaj historiaj momentoj, al naciista literaturo. Ĉiuj landoj posedas tian literaturan tipon, ofte eĉ tre estimindan. En mia naskiĝlando, ekzemple, estas kelkaj verkistoj kiujn oni nomas tute simple "minhotos" aŭ "beirões" (kiuj naskiĝis en la provincoj de Minho aŭ de Beira kaj verkas pri la kutimoj de tiuj du regionoj). Komprenebla ili estas ankaŭ "portugalaj" verkistoj, sed ofte ne atingas sufiĉan universalecon aŭ ĝin atingas laŭ aliaj vojoj, pli kompleksaj kaj danĝeraj. Kaj tio okazas en lando kie, en Eŭropo, sole kun Islando, la geografio koincidas kun la lingva domanio[2]. La situacio multe komplikiĝas en landoj kie oni parolas diversajn lingvojn kaj dialektojn, kiel okazas en ĉiuj eŭropaj ŝtatoj escepte de la du antaŭe cititaj. Tamen, kelkaj kritikistoj opinias precize la malon, kaj diras ke la esperantista literaturo estas la vera literaturo en Esperanto. La germano Martin Haase, pri la afero, skribis: "Oni kutimas difini la originalan Esperanto-literaturon kiel literaturaĵojn verkitajn rekte en la Internacia Lingvo. Tiu lingva kriterio certe ne sufiĉas, ĉar vere originala verko devas ankaŭ koncerni la Esperantan mondon kaj tiel kontribui al nia kulturo. Tiaj literaturaĵoj estas raraj, sed ofte ĉefverkoj de nia literaturo, kiel pruvas *La Infana Raso* de Auld aŭ *Pretertempe* de de'Giorgi."

Ĉiumaniere la sola kriterio devus esti la nivelo de la verko ne ĝia intrigo. Bedaŭrinde, kiel Martin Haase mem diras, "tiaj literaturaĵoj [laŭ mia kompreno, altnivelaj kaj pri la esperanta mondo] estas raraj". Tamen, ne tiom. Ankaŭ la usonano Don Harlow diris en recenzo¸ "...se usonaj verkistoj ĝenerale verkas pri usona medio, kaj rusaj verkistoj – pri rusa medio, kial ni esperantistoj ne verku pri esperantista medio?"

Ekzemplojn de esperantista literaturo oni povas trovi en klasikaj romanoj kiel *Sen titolo* de la ruso Ivan Genadjeviĉ Ŝirjaev, kie Esperanto estas la gvidmotivo de la ago, aŭ en la romano *Maria kaj la grupo,* de la hungaro Imre Baranyai (kiu uzis la pseŭdonimon Emba), kiu en 1938 priskribis la vivon en Esperanta grupo, kies membroj baze sin okupas per frivolecoj. La heroino estas Maria, juna kudristino, kiu vivas nur por la grupo kaj mortas pro trolaboro kaj ftizo.

Julio Baghy ankaŭ multe verkis pri la movado, serioze kaj humure, kun la romano *Paŭlo Paal* aŭ la karikaturoj de *Rondo familia,* kies titoloj: *La movado, La propagandisto. La grupfeino, La gvidanto, Verda familio, Lingva evoluo, Gazeta*

[1] La esperantista literaturo kontaĝis eĉ naciajn literaturojn, kaj havas kiel ekzemplo, la katalunlingvan romanon *Una altra mena d'amor* (Alia speco de amo), aperinta en Barcelono, 1933, de la plumo de la Kataluna verkisto kaj esperantisto Delfí Dalmau.

[2] En la kazo de Portugalio eĉ ne komplete ĉar ankoraŭ ekzistas la miranda lingvo, parolata de ĉirkaŭ 15 mil personoj en la provinco de Trás-os-Montes, malgraŭ la kompakteco de la portugala lingvo.

*servo* kaj *La verkisto* – praktike brakumas ĉiujn ĉefajn tipojn kaj trajtojn de la Esperanta mondo, kiuj kutime altiras aron da originaluloj.

Ankaŭ Ferenc Szilàgyi, húngaro vivanta en Svedio, verkis almenaŭ du Groteskajn Komedietojn pri la vivo en esperantistaj grupoj: *Grava kunsido* kaj *Kokin-akademio.*

La franco Louis Beaucaire, aŭtoro de *Fabelo de la verda pigo,* priskribita kiel "primovadaj fabeloj", aperinta en 1961, celas prezenti humurajn rakontojn kun Esperanta gvidmotivo. Noveloj kiel *Zozo, la deksepa regulo de la Fundamento*, *La milito de la ĉapeloj* aŭ *La stranga historio de Notulas* estas bonaj ekzemploj de esperantista folklora (?) literaturo. En *La ribelema kruro*, tre originala, absurde sprita rakonto oni renkontas dekstran kruron, kiu pro naciismo ribelas kontraŭ la esperantisteco de sia "mastro".

Ĉi tiu literaturo interesas ĉiam pli kaj pli la esperantlingvajn legantojn, kaj ĝia nombro kreskas ĉiam: al tiu literatura ĝenro apartenas ankaŭ la hungara paro Éva Tófalvi kaj Oldřich Kníchal kun *Kiuj semas plorante (1984),* kiu gajnis la premion "Raymond Schwartz" en 1980. Unuavide ŝajnas tre serioza literaturaĵo, traktanta sociajn, politikajn kaj psikologiajn temojn de la 30-jaroj interplektitaj kun faktoj de la esperanta movado. Ankaŭ reliefa estas *Murdo en Esperantujo* de Daniel Moirand (1988): en vilaĝeto Rumshein, la lokaj esperantistoj kunvenas ĉe riĉa klubano, posedanto de impona farmbieno. Sed iun tagon oni inaŭguras novan klubagadon: ili gaje intermortigas sin en la plej sensaciaj cirkonstancoj. Same la germano Ulrich Matthias publikigis en 1990 la romanon *Fajron sentas mi interne,* kies temo estas Esperanto kaj la esperanta movado, pri ulo (esperantisto) tre timema kiu dubas pri si mem. Li ege suferas pro tio, speciale en rilatoj kun knabinoj, ĉiam problemhavaj. *Oni ne pafas en Jamburg (1993)* de Mikaelo Bronŝtejn, traktas la esperantan movadon dum la lasta periodo de Sovetio.

Al tiu "esperantista" literaturo oni devas ankaŭ aldoni *La Manto*-n, de Paula Mährti (pseŭdonimo), kiu skandaligis la Esperanto-movadon en 1997.

Oni devas ĉiam atenti ke la limoj inter ambaŭ literaturaj ĝenroj ne estas vere fermaj kaj tre ofte ŝanceliĝas. Ankaŭ mia disdivido de la du ĝenroj ne enhavas valoran opinion, kvankam la esperantista literaturo pli facile falas en frivolecon kaj malfacile prenas seriozan aspekton. Tamen, aperas ne malmultaj esceptoj, kies ĉefan figuron okupas, ŝajnas al mi, Spomenka Štimec.

Spomenka Štimec troviĝas en la mezo de tiuj du ĝenroj. Tamen ŝi tre lerte sciis trovi la ekvilibron. Ŝi estas samtempe esperantista verkisto kaj Esperanta verkisto. Sed ŝi estas vere speciala kazo pro la tre alta literatura nivelo de sia verkaro. Kiel diris Georgo Kamaĉo en "Monato" (decembro 1988) "...la verko ne estas movadisma, verdula, pamfleta, idiota. Ĝi priskribas, bildigas, sentigas sentojn, angorojn, memorojn, rimorsojn, konsciencriproĉojn..." La diferenco restas, do, en la fakto ke Spomenka Štimec estas tre talenta verkisto. Tio videblas tre klare tuj ĉe ĉi tiu unua verko: *Ombro sur interna pejzaĝo*, aperinta en 1984. Tamen tiu romano tute ne havas la kutiman aspekton de "unua verko". Tute ne. Kontraŭe, ĝi estis matura verko kaj lingve kaj teknike. Sendube Spomenka Štimec havas, malantaŭ tiu libro, longan paseon kaj sperton kiel verkisto. Mia nesufiĉa kono de la kroata lingvo ne permesas rigore esplori la verkistan praesperantan historion de ĉi tiu aŭtoro, sed oni havas noticon pri la publikigo kroatlingve de novelaro titolita *Darija,* verkita sub la pseŭdonimo Darija Śimiś, kun kiu ŝi kunlaboris en rubriko de amrakontoj por knabinoj en la knabina ĵurnalo "Tina". La plej granda parto de tiuj rakontoj rilatis al Esperanto, kvankam ili estis verkitaj kroate. La novelaro *Darija* aperis kroate ĉe IKS, Zagreb, 1975. La unua novelo de Spomenka Štimec en Esperanto estis *Nepagipova lando* (aperinta en la volumo *Vojaĝo al disiĝo*), kiu gajnis premion dum la Belartaj Konkursoj en Varna, 1978. Laŭ la aŭtoro, tiu novelo unue montris al ŝi la plezuron de verkado en Esperanto.

Ni havas, do, pruvo de pra-esperanta verkado de Spomenka Štimec almenaŭ ekde 1975, eble de antaŭ pli longe. Tio permesas suspekti ke la teknikan parton, tion kion oni nomas "la metion", ŝi perfektigis en sia etna lingvo antaŭ ol decidiĝi por Esperanto kiel literatura lingvo[3]. Tio eksplikas la maturecon de ŝia unua verko, kiu ricevis unuanimajn aplaŭdojn de la kritiko kaj permesis ke en la kovrilo de ŝia dua libro (*"Vojaĝo al disiĝo"*), la eldonisto (anonime sed probable la redaktoro Vilmos Benczik) povus diri ke Spomenka Štimec "kaŭzis veran sensacion en Esperantujo per sia sorĉe bela kaj obsede originala *Ombro sur interna pejzaĝo.*" Ankaŭ la polo Tyburcjusz Tyblewski en la revuo "Fonto" (nº 55, aprilo 1985) deklaris: "La originala E-literaturo riĉiĝis per grava verko." Kaj William Auld ne hezitis skribi al ŝi: "Via libro estas absolute brila, kaj per unu paŝo vi alvenis la suprajn tavolojn de nia literatura kulturo." Koment-

[3] Malgraŭ ŝia elekto de Esperanto kiel literatura lingvo, Spomenka Štimec ne komplete forlasis verkadon en la kroata, kiel kontribuanto de la rubriko en la kroata gazeto "Vjesnik" *Kial mi ŝatas Zagrebon.* Tiamaniere en 2005 oni mendis de ŝi rakonton honore al la tago de Sankta Valentino, t.e. enamiĝintoj. Ŝi decidis profiti la inviton kaj verkis *Bukedon por Fraŭlino Antonija* pri la instruistino Antonija Jozičhićh kiu veturis al UK en Krakov en 1912 kaj poste eldonis unu kroatan romanon, poste eldonita en Esperanto. La verko estis ĉinigita (eble la unua ĉinigo el la kroata literaturo, 1931, Ŝangajo). En la novelo Spomenka Štimec sendis al la nekonata tombo de Antonija bukedon pro tiu ĉinigo kiun ŝi kaŭzis. La novelo ne ekzistas en la kroata sed Spomenka donis rolon al Antonija en sia romano *Hodler en Mostar*. Kiel oni povas vidi, la novelo havas movadan fonon. En ĝi rolas la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, la Kongresa Libro de Krakovo 1912 kaj la *Konciza Historio pri Ĉina Esperanto-movado,* ĉina tradukisto el Esperanto Wang Luyang, kaj Tan Xiuzhu, prezidanto de ĈEL. Hodiaŭ fakte Spomenka Štimec verkas kroate nur sporade, ekzemple por Kroata Radio, laŭ mendo de la redaktoro.

ante ĝin en "World Literature Today" (Printempo 1985), Humphrey Tonkin diris: "Kio faras la libron tiel eksterordinare interesa estas la kultura interago priskribita. *Ombro sur interna pejzaĝo* kontribuas al la Esperanta kulturo laŭ maniero vere paradoksa: ĝi priskribas samtempe la malfacilecon de komunikado trans kulturoj kaj ĝi mem kontribuas al la literaturo de lingvo celanta tiun komunikadon." Ankaŭ Georgo Kamaĉo diris en la citita recenzo: "Kaj pri la stilo? Surprize riĉa, klara kaj esprimforta lingvo, kiu fontas el ĉiutaga uzo – ne patosa, ne baroka... Neniam el plumo de originala prozisto fluis frazoj tiel freŝe, tiel nature, ne el la cerbo, sed rekte el la buŝo".

La historio de tiu ĉi libro unuavide estas tre simpla kaj eĉ banala. En la plumo de ne tiom talenta verkisto, ĝi eble ne estus pli ol kiĉa rakonto: disiĝanta paro, forlasita amantino. La diferenco estas ke temas pri internacia paro kun internacia lingvo. Tamen en tiuj kazoj plej ofte la forlasito estas viro. Sed la malo havas ankaŭ tre indan precedencon: la faman "portugalan monaĥinon", Mariana Alcoforado (*Lettres d'une religieuse portugaise,* publikigitaj en 1669, Parizo; ĝia plej moderna eldono estas *Frédéric Deloffre, Lettres portugaises suivie de Guilleragues par lui-même,* Paris, Gallimard, 1990) kies amajn leterojn al Noël Bouton, markizo de Chamilly, franca oficiro, Stendhal konsideris "nepereblaj", estas unu el la plej sensivaj paĝoj de la monda literaturo. Kvankam la kunteksto estas tre malsama, en ambaŭ kazoj temas pri amplendoj de forlasita virino.

Ĉio ŝajnas aŭtobiografia en ĉi tiu verko kaj ĉio kondukas la leganton kredi tion, eĉ la antaŭbabilo de la eldonisto. Sed oni jam scias ke tio ne veras, eĉ se la aŭtoro mem arogas al si tiun karakteron. Oni ne devas forgesi la faman poemon de Fernando Pessoa, kiu diras:

*La poeto estas simulanto.*
*Simulas tiel komplete,*
*Ke ofte simulas ke estas doloro*
*La doloro, kiun li fakte sentas*[4].

Eĉ verkante aŭtobiografie, la verkisto elektas, ŝanĝas, aliaspektigas, afektas, troigas, misformas, mensogas laŭ propra konveno. Oni ne devas forgesi ke verkisto estas kreinto ne reportero. La celo de verkisto estas krei mondon kiu estu kredebla al la leganto, kaj tia estas la verkista misio. Kaj tiuaspekte, ŝajnas ke Spomenka Štimec trafis sian verkistan celon.

Parolante pri tiu ĉi libro, Tyburcjusz Tyblewski daŭrigis aŭdace: "...Admirinda estas la observokapablo de la aŭtorino, kiu konstruis la buntan mozaikan bildon per reliefaj eroj – varmaj, precizaj, imagigaj, sentivigaj – permesantaj identigi kun ŝi aŭ li, sed ĉefe kun ŝi – la personon finformitan. Li ŝajnas ekzisti nur pro liaj reagoj, skizata jen forte, jen apenaŭ, kiel en la vivo mem. Spite al ĝojaj momentoj, al opaj ekscitoj, en la romano regas etoso de tristeco, de malserena meditado, kiu esprimas suferojn de la lasita virino. Kial en la klaran, videblan pejzaĝon enŝteliĝas la ombro, minacanta al la koloroj, al la ĝuoj, kiuj estis, kiuj pasis kaj lasis la guston de amaro. Tiu viro trovis alian virinon. La fakto preskaŭ banala pro sia ofteco ricevis per "klavoj" de Spomenka Štimec delikatan dimension de digna sufero, pro kiu tremas manoj, mankas spiro, mankas dormpovo kaj amasiĝas afekcioj – de la plej simplaj agordoj ĝis la amo. Ĉioĉi rakontita per belaj frazostrioj, al kiuj oni emus aldoni aŭ sian propran agordon aŭ (ne malofte) majestan melodion." En la UAM (Interlingvistikaj Studoj) Poznań, Februaro 2004, Iwona Kocięba diris: "Ankaŭ la medio de la romano estas malofta en la Esperanta literaturo – la nuntempo, la ĉiutaga vivo de veraj, normalaj homoj. La fakto, ke ĝi okazas meze de Esperanto, en plurnacia esperantista medio, kompreneble alportas plian valoron. Ĝi ja temas pri ni, kiuj renkontiĝas en kongresoj kaj festivaloj, enamiĝas, korespondas, klopodas kunvivi, elreviĝas..."

Spomenka Štimec estas vera kreanto de etosoj. Kiel diris Sten Johansson, ŝi "laboras en ŝajne malvasta kadro, ĉiutaga, hejmeca, intima sfero, kaj ŝia tono estas persona, kvazaŭ ŝi parolus kun mi sola, trans kuirejan tablon. En tiun varpon ŝi nature enteksas vefton el la "granda vivo", amo, morto, angoro, milito, polítiko." Fakte la simpleco de ŝia lingvo, rimarkita de pluraj recenzistoj, estas trompo. Reale la prozo de Spomenka Štimec estas tre riĉa en parolfiguroj: internaj monologoj, fluo de konscienco, *flash-backs,* paralelaj kaj interkrucigitaj tempoj, *hold-ups, hold-backs,* kaj ankaŭ en la klasikaj katakrezoj, alegorioj, hiperbatoj aŭ metonimioj, kiuj ne malofte povas stumbligi komencantojn. Per malmultaj vortoj, ŝi devigas la leganton konstrui sinteze la mondon. Kvankam Esperanto ne estas la ĉefa temo de la libro, la internacia lingvo ĉiam ĉeestas. Oni povas demandi ĉu sen Esperanto ĉi tiu libro eblus. Esperantistoj dirus ke ne, sed fakte la libro temas pri la interna vivo de la virino kaj Esperanto ne estas nepraĵo. Kaj tio estas pruvo de la universaleco de la verko.

La stilo de ĉi tiu libro estas moderna, sinkopa, impresionisma, vere elvokiva. Kiel diras la eldonisto, Bruĉjo Casini, en la antaŭparolo, kiun li nomas *Antaŭbabilo*: "Lerta, ĉar tre vigla, aŭtoro por kiu ĉiu frazo estas nova ĉefverko, kiu devas proponi al la leganto novajn surprizojn, novajn surseĝajn eksaltojn, novajn ekzaltojn". Fakte ŝajnas skatolo de surprizoj mirigante la leganton je ĉiu ĝiro de la frazoj. La komencon de rilato ŝi priskribas tre realisme: "Iun matenon vekiĝis fremdulo sur mia kuseno." Kaj la disiĝo priskribiĝas tre efike: "La loĝejo vastiĝis kiel gea lito. Ĝi ŝajnas tro granda." Ŝi faras siajn vortojn de UEA Jarlibro kaj anstataŭ diri ke ŝi estas libroamanto, ŝi proklamas: "libroj estas niaj obeliskoj kaj piramidoj, niaj moskeoj, totemoj, prahistoriaj grotoj, nia ĉio". Anstataŭ insulti filistrajn

[4] O poeta é um fingidor./ Finge tão completamente / que chega a fingir que é dor / a dor que deveras sente.

esperantistojn, ŝi diras ke ili estas "stelornamitaj analfabetoj". Por priskribi la efekton de la voĉo de sia amanto, ŝi diras: "Kiam li elparolis al mia aŭskultilo, sur mia planedo noktomezis". Anstataŭ diri ke post la foriro de la amanto, ŝi longe rememoris lin, ŝi skribis: "Liaj okuloj estis eĉ pli malobeemaj. Ili restis en mia domo longe post li." Eĉ la efektojn de la lumo ŝi sintezis tre efektive: "Suno kaj luno pendis batike surmure." La malvarmo prenas intimajn karakterojn: "Malvarmo enŝoviĝas al mia talio kaj ĉirkaŭbrakas min sub la noktoĉemizo". Kaj la rezignacio antaŭ la bato de ŝia vivo; "El la lito mi ne povas elfali. Nur el la vivo." Aŭ la konfuziĝo ke la tempaj planoj neeviteble kaŭzas: "Mateno estis for, mateno estis morgaŭ."

Tamen, temas pri ama historio. Sed ĝi estas porĉiuaĝa legado. La libro enhavas multe malpli da seksumado, enhavas multe malpli da erotaĵoj ol la leteroj de la portugala monaĥino. Oni trovas nur timeman sugeston: "Mia korpo ŝatis plenan atenton". La libro enhavas ne seksumadon, sed simple teneron tra ina mondpercepto.

Tamen la disvolviĝo de *Ombro sur interna pejzaĝo* ne estas geometria. Tim Westover diras ke ĝia stilo estas nekutima, "tempo estas konfuzita, la rakonto saltas inter multaj lokoj foraj kaj "nunaj". Voĉoj parolas, kiuj ne estas ĉeestantaj. Eventoj malklaraj estas intermiksitaj kun memoroj detale priskribitaj. La ordo estas ĥaosa." (...) "Ĝi libere moviĝas inter tempoj kaj lokoj." (...) "Eĉ kelkaj memoroj ligas al aliaj, kiuj aŭ reiras al la ĉefa rak-onto aŭ mem plonĝas pli profunden en la memoro-amaso." (...) "Jen la tri tempoj de *Ombro sur interna pejzaĝo:* la verkista, la rakontista, kaj la memora." Ankaŭ Rejna de Jong surpriziĝas: "...sed kia prozo! Plena de surprizaj bildoj kaj diroj, kiuj unuavide ofte ŝajnas iom absurdaj, sed kiujn plene pravigas la kunteksto. Ili male atestas akran, analizan perceptemon kaj observemon de la propra psiko." Tio, resume, estas la uzado de modernaj literaturaj teknikoj de la post-Joyce-a erao: interna monologo, fluo de konscio kaj plureco de tempoj. Tiujn teknikojn Spomenka Štimec mastras perfekte.

(*daŭrigota*)

## LKK-bis

### Komunikoj:

**En 2008 OSIEK estos en slovenio**

OSIEK - Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj - estas rendevuejo de esperantistoj kiuj ŝatas renkontiĝi kaj senfanatisme diskutadi sentabuajn temojn. La celo de OSIEK-konferencoj (IEK-oj) estas prezenti prelegojn kaj pridiskuti ilin en etoso de amikeco kaj reciproka respekto.

IEK okazas ĉiujare en alia loko, kiel eble interesa el vidpunkto de kultura turismo. Ĉi-jare la konferenco okazos je 12-18 julio. OSIEK estas invitita de Viŝnja Brankoviĉ (ORBIS PICTUS) en Slovenion. La temo estas: Fernando de Diego, vivo kaj verkaro. Almenaŭ 5 prelegoj rilatos al tiu ĉi temo. La aliaj povas rilati al historiaj kaj geografiaj problemoj de Slovenio, kaj unu al ia aspekto de la E-kulturo.

Grava kaj ŝatata tasko de IEK-oj estas atribuado de OSIEK-premio. Ĉiu OSIEK-membro rajtas proponi ŝatatan verkon nefikcian ĝis komenco de majo. El inter la proponitaj verkaĵoj la 5 plej ofte proponitaj estos prezentataj, la 18an de julio 2008, al la ĝenerala asembleo de OSIEK, kiu per sekreta voĉdonado du-balota atribuos la premion al la aŭtoro de unu el la kvin verkoj. La aŭtoro devas esti vivanta je momento de atribuado de la premio. La premio estas nun 600 eŭroj, ĝi entute elvenas el la modestaj kotizoj de la membraro: valoro de 25 poŝtmarkoj por sendi enlandan leteron. Simila demokratia kalkulmaniero ekzistas por la aliĝkotizoj al IEK. Informoj ĉe:

Eric LAUBACHER, 1 rue Bougainville, 78180 Montigny-Bx., Francio. kasisto@osiek.org
ORBIS PICTUS de Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 Trieste, Italio. orbispictus@iol.it
Madeleine de Zilah La Gazeto, kunredaktisto re: gazeto@aol.com

**10a Internacia Fotokonkurso**

La Ondo de Esperanto organizis en 2007 la dekan Internacian Fotokonkurson. Partoprenis 61 fotoverkoj de 18 fotoaŭtoroj La 11an de januaro 2008 la juĝkomisiono anoncis la rezulton:
1a premio (€ 50 kaj abono de La Ondo Barbara Chodera (Pollando).
2a premio (€ 25 kaj abono de La Ondo Katia Miyashiro (Brazilo)
3a premio (abono de La Ondo) Gediminas Kazlauskas (Litovio) Paulo Sergio Viana (Brazilo) Gianfranco Vignando (Italio)
Speciala premio (€ 50 kaj abono de La Ondo) pro la plej bona foto pri la temo Festo Shoko Sakaeda (Japanio) Legu pli pri la Internaciaj Fotokonkursoj: http://esperanto.org/Ondo/Fkonkurs/Fk2007.htm

**16ª Internacia Esperanto-semajno de la kulturo kaj turismo**, 4-11 de oktobro 2008 en Salou, Tarragona, Hispanio.
Aliĝkotizo ĝis la 31ª de julio: 20 €, poste 25.
Kompleta pensiono: 32 € en dulita ĉambro po persono kaj tago, 42 € en unulita ĉambro Koresponda adreso: Luis Serrano Pérez, Apartat 423, ES-08200 Sabadell (Barcelona), Hispanio. Tel. (34) 93 727 50 21. Rete: luis_serrano@mixmail.com
http://personales.ya.com/semajno

Kiel kutime, minimume, estos kvar prelegoj pri diversaj aspektoj ĉu de la Esperanto-movado, ĉu pri aliaj temoj de nia ĉiutaga vivo.
Ni organizas tri ekskursojn eksterurbe. Unu tuttaga, du duontagaj.

Inter programero kaj programero, vi havos liberan tempon por viziti la strandon, ĉar tiu sezono en Salou, la vetero estas karesema sen malvarmo, nek varmo.

# Ĉiu esperantisto silentas gepatrolingve

Mi estas ĉasisto, estante vegetarano (eĉ vegano) kaj mi ĉasas sen verŝi sangon. Mia predo estas lingva (jes, tiele!) kaj mi ĉasas tiujn partojn de la e-lingvaĵo kiuj vere surprizige muzikas en mia ruslingva orelo. Tiuj "muzikaĵoj" estas naciaj, sed trafe ensidiĝas en la internacian lingvon. Malofte tiuj surprizaĵoj aperas en ruslingvaj (kaj alilingvaj) tradukoj. Ja la ĉefa celo de la tradukistoj estas transdoni fidele la enhavon per propralingvaj esprimrimedoj. Kaj se la surprizoj aperas, tio tiras ĉuaproban atenton de legantoj, des pli de recenzantoj. Kiel ekzemple tiun de Eugene de Zilah: "Ĉiupaŝe mi trovas en la romano [aŭtoras franclingva ĉino, mia rim], kiu rakontas pri homoj en imperia Manĝurio, metaforojn, komparojn kaj esprimojn, tropojn kaj al la franca leganto ekzotojn, kiel Silento simila al plado da malvarmaj nudeloj, disfluas sur la go-tabulo. [1]

Esperantistoj kiuj perfekte regas la lingvon (do ili legas kvazaŭ gepatrolingve, sed ne tradukas enmense kiel e-ne-legantoj, tio gravas) ne stumblas ĉe tiuj ekzotoj, male ilia perceptivo freŝe-ĝuas la momentojn neniam antaŭe renkontitajn gepatrolingve. Mi, ekzemple, neniam ĝuos la ruslingvan alilingve-ekzotan komparon kia: "Estiĝis tia silento, ke estis aŭdebla fluga muŝo" ĉar mi estas ruso kaj tiun esprimon mi jam milfoje aŭdis-legis en mia ruslingva vivo. Alia afero, ke mi estas tiu feliĉulo, kiu havas la duan paralelan vivon, kiu aspektas eĉ pli riĉa, ĉar dank' al Esperanto kaj e-libroj/revuoj mi konatiĝas al la pensadmaniero de multaj aliaj nacioj. ... Kompreneble iuj esprimoj ne nepre troviĝas en la lingvo de la aŭtoro aŭ tradukanto. Sed eĉ ĉe krei tiun-alian esprimon nepre influas la gepatrolingva menso, kion mi kelkekzemple notis en [2].

Plifrue mi jam publikigis [3] miajn elnotojn dumlegajn pri la situacio de estiĝinta silento. Sed post tiu artikolo pasis jam 7 jaroj kaj mi decidis proponi, jam aligazete, indan aldonon al la temo.

Krampe mi indikas la devenolandon de la elnoto.

... li direktis siajn okulojn al Juemin, kiu legis la libron kun klinita kapo. En la ĉambro regis tomba silento [4] (Ĉinio)

Kiam Grandsinjoro aperis, silento tuj falis en la ĉambro. Keming ordonis bruligi petardojn. [5] (Ĉinio)

Suburo rigardadis kompare la du vizaĝojn kaj tenis silenton dum kelka tempo. [6] (Japanio)

Jam estis 24-a horo. Ĉiuj pasaĝeroj jam morte silentis. Noktaj silentoj regis en la vagono. [7] (Koreio)

Nun regis kvieto ankaŭ tie supre.

Peza silento malrapide tavoliĝis ankaŭ en la animo de la juna viro. [8] (Bulgario)

Li restis staranta, ... pluaŭskultante streĉe. ... Nenio estis aŭdebla. La silento fariĝis ankoraŭ pli densa, la ĉielo pli radianta. [9] (Bulgario)

La anoncoj daŭre buntis per brilaj koloroj en la krepuska ĉielo, kaj la silento densis ĉirkaŭ ni. [10]. (Hispanio)

La esprimo "densa silento" eble povas ŝajni sufiĉe triviala, ĉar sidas en kelkaj eŭropaj lingvoj. Sed ja ne en la rusa: mi notas ĉi-artikole ĉion surpriza por nome ruslingvano.

– Ĉu vi havas ion por legi?

– Jes, dankon. - lia ĉarma ironia rideto denove reaperis. - Eĉ esperantlingve. Denove ekfrostis silento. [11] (Svedio)

La knabo silentiĝis. La vortoj de la avo ankoraŭ pli forte soligas lin, kaj la nun jam pli malofta dolorasenhelpa sinaŭdigo konstantigis en li la timon kaj la malcerton: hodiaŭ okazis io neordinara! ... Li silentis kaj deziris malaperi en la silento. [12] (Kroatio)

Sed kontraŭ ok knaboj kun la decido malbonfari, kion eĉ fortulo povos?

Senvorteco plenigis la ĉambron, tiel riĉa je pensado, ke ĝi ŝajnis aĵo preskaŭ mansentebla. [13] (Francio)

La reĝo silentis longe kaj terure.

Lia tuta animo falis en vastan puton de silento kaj dum longa tempo ne trovis la fundon. [14] (Anglio)

Do ni restis en profunda kazeiĝinta silento kiu pli kaj pli fariĝis solida kiel glaciiĝanta akvo aŭ acidiĝanta lakto. [15] (Anglio)

Ni dediĉis nian atenton al ludo kaj ĉar kvar knabinoj estis senditaj en korton la ĉambro estis silenta kiel songô.[16] (Anglio)

Ĉambro estis tiel kvieta ke oni povus aŭdi akveron guti de la tegmento. [17] (Anglio)

Li ĉeestis sidante en silento tiel profunda kiel unu el nigraj truoj de la spaco. [18] (Svedio)

La esprimo estas videble moderne verkita de la aŭtoro, kaj ajnlingva verkanto, konanta la kosman temaron, povus fari similan komparon.

... Regas en la ĉambro la silento de l' atestanto muta, de la neĝo, de la pluvo, de l' fumo, de la nemoviĝeco de ŝanĝiĝo. [19] (Italio)

Do, al la silento-esprimoj de 13 etnoj metitaj en [3] aldoniĝis ĉi-artikole ankoraŭ tiuj el Francio, Hispanio kaj Italio. Kaj analizante la citaĵojn oni povas vidi, ke silento kiel situacio povas esti malsama. Ĝi povas fali aŭ tavoliĝi, esti densa aŭ solida, kaj komparati kun ĉio-ajn eterne silenta.

******************


1. La Gazeto, 106, p. 3.
2. La Gazeto, 126, p. 26.
3. La Gazeto, 81, p. 25.
4. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 137.
5. Kiel [4], p. 178.
6. Mori Oogai, Rakontoj de Oogai, Japana E-Instituto, Tokio, 1962, p. 31.
7. *La Espero el Koreio, 1988, 5.*
8. Vilaĝo Borovo, Budapest,1983, p. 15.
9. E.Stanev, Ŝtelisto de persikoj, Sofia Pres, 1985, p. 55.
10. Sferoj-1. Scienc-fikcio kaj fantasto. Hispana E-Federacio, 1983, p. 51.
11. Monato, 1998, 3, p. 21.
12. Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 290.
13. Kontakto, 140, p. 11.
14. Norda prismo, 1958, 1, p. 25.
15. Mary Webb, Malbeno kara, 1994, Beverley, Aŭstralio, p.105.
16. Kiel 15, p.40.
17. Kiel 15. p.
18. Fonto, 167, p. 13.
19. Literatura Foiro, 140, p. 283.


***Anatolo Gonĉarov***

FIFINFINE,
JEN: BOMB' BOMIKS' APOKALIPSE!

EL SEKRETA SERIO: "PLI SINCERE NE EBLAS!"

JES!: FINO DE LA D-RO SEN-E-O!

KIAL? TIAL!

FOR LA MASKO!! MONDOFINO VENAS KAJ TEMPAS POR SERENE, EL-ENE, VIN ADIAŬI!!

OOOO SED KIAL ELIMINI NIAN KARAN D-RON?!, TIU NAIVA KAJ PURA ESTAĴO, KIU SIMPLE STREBADIS IOM TIKLADI ESPERANTAN HOMARON PER AM-SEKS-AJNAJ-KIPAJ ANEKDOTOJ... HA! MONDO KRUELAS, EN ĜI, EĈ LA PLEJ VIGLA KAJ SENKULPA PAPERA HEROO NE RAJTAS ETERNE DIBOĈI!

SAME OL ADORATA AGATHA MURDIS POIROT-ON... MI EMAS PLENRIPOZIGI NIAN D-RON... NUN KE LI ANKORAŬ JUNAS, BELAS KAJ SAĜAS!

SENTAS MI, KE ĈIO DIRINDA JAM DIRITIS... (KAJ POR CETERAJ ELTROVOJ NI FELIĈE HAVAS S. SIRE-N!)

OOO HMMM ...EBLE SE LA D-RO PLUVIVUS SIR-STILE, KOMPUTIL-ILE... LI ANKORAŬ HAVUS IOM DA ŜANCOJ PLU KOMUNIKI...

KAJ NUN, MI ŜULDAS AL VI KLARIGON PRI LA VERA KIALO DE ĈI DOKTORA ADIAŬO; MI DECIDIS MIAN ENERGION DEDIĈI AL KULTURADO DE OLIV-ARBOJ EN MITA KRETO, TIO DISTANCIGAS MIN DE E-O KAJ DE AMASA-URBA MONDO ĜENERALE. TREMPIĜANTE EN MIA NOVA IZOLITA KAJ KAMPARA VIVO, NEK SENCAS NEK FACICAS KLOPODI SEKVI KAJ KARIKATURI LA FRENEZAJN VOJOJN DE LA MONDO KAJ DE E-MOVAD-ET-O! (DES PLI KE MI NE ŜATAS RETUMADON; LA KORPA, D-RA!, LINGVO, NE BONE FLUAS TIE!)

JEES, BONEE! MI ĈIAM VOLIS ESTIĜI DELFENO AŬ PAPILIO, SED POR NE MORTI, SE NE EBLAS ALIEL, MI VOLONTE HELIKOS!




NU, MI ELKORE KAJ ELKACE DANKEGAS VIAN PLI OL 20-JARAN SUBTENADON DE D-RAJ KOMIKSOJ... KAJ MI INVITAS VIN ĈIUJN –NE SAMTEMPE, BV.!– VIZITI MIN EN MIA PALACA DOMO EN KRETO. VI GUSTUMOS MIAN OLIVOLEON KAJ VI KOMPRENOS KE ĜI EGE PLI NUTRAS KAJ INDAS OL TIUJ NEMANĜEBLAJ KOMIKSAĈOJ!! MIA KONTAKT-ADRESO DAŬRE ESTAS: arnaumundis@yahoo.com

(JES JA, MI ANKORAŬ NE TUTE SOVAĜIĜIS KAJ FOJE TAMEN IOM KONTROLAS RETAĴOJN! DO, SKRIBU KAJ, VENU, VIDU, E-FIKU!)

NU MI RADIKALE ENRADIKIĜAS KAJ EKSTRIKAS PRI ESPERANTO! TIEL SIMPLE! (KVAZAŬ TITOLO DE MIA LASTA ALBUMO SEKSANGELA. MI AMAS LA VIVON, MI AMAS E-ON, MI AMAS LA DOKTORON KAJ EĈ MI AMAS VIN... SED MI AMAS ANKAŬ SINCERAJN ADIAŬOJN KAJ TEMPAS NUN POR TIO... VIA PACIENCO JA HAVAS LIMOJN! NU, ĜIS LA... DO, RE, MI, FA, SOL!

HA! GRANDIOZE! BRILE! MIA LASTA BILDO ESTAS OLIV-ARBECA, KAJ ONI EĈ PROVIZIS MIN PER IU LONGA KAJ KOKETA BRANĈETO, POR PLEZURIGI TURISTAJN PRETERPASANTINOJN! CETERE, OLIVARBO EN KRETO FACILE IĜAS MIL-JARA... HA, HA, HA! ŜAJNE, TAMEN, VIA KARA D-RO NE TRO ABRUPTE PEREOS...!

murde ame al la D-ro kiu ĉiam ŝanigis min Kolego! Dankon, A.

KRETO 02-2008

# Eneado

parto dua
ukraineskigita de *Ivan Kotlareŭskij*
Esperantigis ***Gennadij Turkov***

(sekvo)

106

Enej' ankoraŭ ne kontentis,
Ekvolis plu amuzi sin,
Do li por ursoj homojn sendis,
Kaj dume distris sin per vin'.
Litov' kun ursoj kaj trumpeto
Plenumis de Enejo peton —
Dancigis ursojn sur estrad'.
Kaj bestoj vere akrobatis:
Sin rulis, transkapiĝis, saltis,
Forgesis pri mielŝtelad'.

107

Kun ĝojo, do, Enej' ripozis
Sen tim' pri ia embaras',
Li ne imagis, ne supozis
Olimpon fonto de minac'.
Estiĝis sur ĉiel' komploto
Dank'al Junona fiklopodo,
Ke restu li kun malprofit'.
Kun hast' - eĉ ŝtrumpoj ne surkruris -
Junon' nur en babuŝoj kuris
Al ruza kiel djabl' Irid'.

108

Palpebruminte al Irido,
Kun ŝi glitiris al kaban'
Kaj tie flustris pri insida
Kaŝata for de l'ĉefoj plan'.
Junon' postulis de Irido
Plenumi ĉion sen hezito
Kaj tuj reveni kun raport'.
Irinjo klinis sin fidele,
Per tuk' sin kovris kaj levrele
Elflugis el ĉiela pord'.

109

Al Sicili' direkton tenis,
Kaj tuj post la sidiĝ' sur ter'
Al trojaninoj ŝi alvenis,
Gardantaj floton kontraŭ ŝtel'.
Ĉi povraj dum sidad' en rondo
Acide gapis al marondoj,
Ĉar ne vokitaj al festen',
En kiu l'edzoj jam sin distris —
En brand- kaj medtrinkad' persistis—
Semajnojn kvin, sen sindeten'.

110

Virinoj nur salivon glutis
Kun naŭz' en ventro pro malsat',
Kaj plenaj de koler' kondutis
Konvene al tiela stat':
Trojanojn siajn anatemis,
Pro kiuj ili tiom ĝemis,
Kriante per la tuta buŝ':
"Por ni soleco tiel bonas,
Kiel vi drinkon malbezonas! —
Se trafus vin infera buĉ'!"

111

Trojanoj dum vojaĝ' kuntrenis
Iun similan al ogrin',
Al kiu tiel ĝib' konvenis!.. —
Berojo oni nomis ŝin.
En ŝin Irinjo transformiĝis
Kaj al virinoj proksimiĝis,
Portante kukon antaŭ si —
Por ilin per bonec' impresi
Kaj al Junono pli komplezi.
Do, regalinte diris ŝi:

112

"Al vi, filinoj, helpu dio!
Ĉu jam ne tedis vin separ',
Ĉe ŝipoj sidi sen ferio?
Jen kiel festas la virar'!
Viraĉoj tiras vin tra maroj,
Kvazaŭ mokante, dum sep jaroj!
Turmentas, krome, per ignor':
Forlasas vin, edzinojn siajn,
Kaj amindumas la aliajn!
Ĉu iam estis tia mor'?

113

Aŭskultu, inoj jam plenaĝaj:
Ni agu laŭ ineca gust';
Kaj vi, knabinoj blankvizaĝaj:
Ni faru finon al maljust'!
Por nia plor' kiel repagon
Aranĝu ni al viroj plagon,
Sed agu ni kun inĝeni':
Bruligu ŝipojn — kaj per tio
Sidigu virojn sur glacion*,
Kaj ili premos sin al ni!"

114

"Favoru Dio vin, avino! —
Ekdankis ĉiu trojanin'
Per laŭta voĉo, kun sinklino, —
Tiaĵon ne elpensus ni..."
Kaj iris ili tuj al floto
Por plenumado de saboto:
Komencis kun volont', en hast'
Ĉifonojn porti, splitojn, pajlon,
Elbati per siliko fajron,
Por ke flamiĝu sen prokrast'.

115

Ekbrulis alportita ĉio,
Leviĝis fum' al nubnivel'
Ekfuriozis incendio —
Eĉ skarlatiĝis la ĉiel'.
Boatojn lekis fajraj langoj,
Kaj siblis peĉ' sur ŝipaj flankoj.
Pro ard' eĉ krakis pina pram'.
Kaj kiam la virar' ekvidis,
Ke l'inoj pro varmeg' ekŝvitis, —
Plejparton jam devoris flam'!

116

Fajrorebrilon ekvidinte,
Enej' blankiĝis kiel neĝ',
Kaj ĉiujn virojn agitinte,
Kuregis mem kun tuta streĉ'.
Alarmon batis sonoriloj,
Sonegis en la urb' knariloj.
Alvokis Anĥizid' al ag':
"Ho, dikredantaj, donu savon,
Estingu, haku, verŝu akvon!
Nin kiu punis per ĉi plag'?"

117

Enej' pro tia akcidento
Eksentis spasmon en la kor'.
Povrul', deiris dis prudento,
Turniĝis, saltis pro horor'.
Levinte l'kapon, trema, ŝvita,
Li kriis, kiel hund' brogita —
En voĉ' senteblis eĉ frenez'.
Li olimpanojn sakr-ofendis,
Insultis panjon, kaj eĉ sendis
En buŝon ion al Zeves'.

118

"Vi, oldulaĉo, ne rigardas
Sur nian teron el nubar',
Nek petojn vi, nek skoldojn aŭdas,
Reagas eĉ ne unu har'.
Zeveso, ĉu albug-makuloj,
Al vi aperis sur l'okuloj
Nu, lezu ilin eĉ blindec'! —
Vi tutegale ne deziras
Min helpi, kvankam homoj diras,
Ke mi 'stas nep' al vi, Zeves'.

119

Kaj vi, Neptuno-grizbarbulo,
Ŝrumpinta kiel olda bot',
Demone sidas en angulo
De — sub marakvoj — via grot'.
Se vi por mi nur movus manon
Kaj verŝus akvon sur ĉi flamon!
Rompiĝu via tridenteg'!
Bakŝiŝojn vi volonte prenas,
Sed pri repago ne tro penas —
Al dev' rilatas sen abneg'!

120

Plutono, via frat' infera,
Kun Prozerpin', dikpuga gun',
Sin kaŝis por amor' subtera —
Ĉu ne varmigis sin ĝis nun?..
Li al diabloj iĝis frato,
Forgesis tute pri kompato
Al ni en nia malfortun'.
Se li azene ne obstinus,
Sendube li la brulon finus
Jam longe-longe antaŭ nun.

121

Kaj ankaŭ kara panjo mia
Konstantas pri l'repertuar':
Aŭ ie dormas jam ebria,
Aŭ strate gajas kun virar',
Aŭ havas sian ŝatokupon:
Drinkinte kaj kuspinte jupon,
Amuzas dancosalte sin.
Se ŝi kun iu ne noktadas,
Do iun al aliaj svatas —
Pri tio estas ŝi majstrin'!

122

Sed — malamik' vin ĉiujn prenu! —
Kondutu vi laŭ via plaĉ',
Sed en ĉi plag' min nun subtenu,
Ke mi ne restu kun damaĝ'.
Do, dioj, montru vi miraklon:
Ekscitu en ĉielo akvon
Kaj faru finon al flamad'.
Por vi ja ajna ago eblas!
De mi donaco, certe, nepras
Pro tia ĉi al mi kompat'."

123

Al dioj lia preĝ' influis:
Apenaŭ sonis lasta vort',
Torente tuj pluveg' ekfluis,
Estingis fajron dum nur hor'.
Amas' da akvo el ĉielo
Fluegis kiel el barelo.
Ĝisoste humidiĝis pro
Tiela torenteg' trojanoj
Kaj, diskurante de ĉi bano,
Pri pluvo ĝojis jam ne tro!

124

Kaj nun Enejo ekangoris:
Ĉu plu restadi tie ĉi,
Ĉu renavigi? — Ĉar forvoris
Ne ĉiujn ŝipojn incendi'.
Perdinte l'kapon li impetis
Al sia bando kaj ekpetis
Konsilon pri necesa ag'.
Meditis ĉiuj kaj rezonis,
Sed ion indan ne proponis —
Al ili mankis nun imag'.

125

Nur unu el la societo
Silente staris ĉe peron'
Kaj sen konsento, sen obĵeto
Nur skrapis teron per baston'.
Hom' nefidinda, plej mistera,
Parenco al ogrinoj vera,
Mem sciis pri sorĉad', aŭgur'.
Kapablis li forflustri febron,
Kuraci sangmalsanon, lepron...
Eĉ digojn fari 'stis taŭgul'!

126

En Silezi' estis kun varoj,
Krimeon iris li por sal',
Marplotojn vendis eĉ po ĉaroj —
Ĉumako* estis en real'.
Mizera ŝajnis laŭaspekte,
Sed grandegulis intelekte,
Per kurta dir', estis saĝul'.
Kvazaŭ pizerojn ŝutis vortojn,
En ĉio povis meti ordon,
Kaj, krome, estis kuraĝul'.

127

Alnomis lin Neŭteso ĉiuj,
La bapto nomis lin Oĥrim'
(Mi tion konas el mencioj,
Kun li ne estis en proksim').
Neniu ion indan diris,
Do al Enej' Oĥrim' aliris,
Je l'blanka mano prenis lin,
Forkondukinte disde bruoj,
Riverencinte ĝis genuoj,
Kun tiaj vortoj turnis sin:

128

"Vi kial paŭtas meleagre,
Kia tristigas vin klopod',
Ke vi aspektas tiom magre,
Kiel limoz' sen marĉa kot'?
Ju pli malĝoji, des pli mave;
Ol zorgi, kraĉu anstataŭe,
Ne iru denson de arbar'.
Konsil' jen mia: ĉesu morni,
Prefere vi kuŝiĝu dormi.
Ripozu — kapen venos klar'!"

129

Enej' konsentis kaj ekprovis
Kuŝiĝi sur kuŝlok' ĉe forn',
Sed nur palpebrojn stulte movis —
Neniom lin revenkis dorm'.
Turniĝis ĝis dolor' en ripoj,
Plurfoje buŝen prenis pipon...
Dormigis lin laceg' en fin'.
Anĥizon li en sonĝ' ekvidis —
La paĉjo el infer' vizitis
Kaj jenon diris al la fil':

130

"Vekiĝu, mia plej proksima, —
La patro venis kun salut'.
Sed vi ne teruriĝu time,
Por ke ne kaptu vin balbut'.
Olimpaj dioj min alsendis,
Kaj diri ili rekomendis:
Ne restos vi ĉe malfeliĉ',
Sed estos bona via sorto
Kaj plenumiĝos diaj vortoj
Pri via Romen transloĝiĝ'.

131

Ne estu vi kun band' ebriaj,
Esploru ŝipojn kun fervor'
Kaj sur restaĵ' senaveria
Dis Sicilio ŝipu for!
Navigu, mia fil', sen tristo —
Bonegos ekde nun ekzisto!
Ĉe mi 'stas tamen unu pet':
Dum voj' eniru la inferon,
Ĉar havas mi al vi aferon.
Mi montros ĉion en komplet'.

132

Inferon vi ne preterpasos,
Ĉar laŭ olimpa leĝ-kanon'
Ven' via Romen ne okazos
Sen kapoklin' antaŭ Pluton'.
Ion Pluton' al vi predikos,
Al Rom' direkton eĉ eksplikos...
Vin ne ofendu ĉi formal'!
Sur pado al infer' kvietu,
Maltime, rekte vi piedu,
Jes ja, piede, sen ĉeval'.

133

Adiaŭ, mia fil', livi-ĉjo,
Ĉar baldaŭ venos jam maten',
Adiaŭ, mia kara id-ĉjo!.."
Kaj falis la oldul' tra ter'.
Enej de l'sonĝo impresate
Pro teruriĝ' vekiĝis salte,

Laŭ korpo fluis frida ŝvit'.
Li tuj kunvokis trojanaron
Por fari al la flot' riparon
Kaj ŝipi morgaŭ sen hezit'.

134

Kaj dume al Acest' ekkuris
Por danki pro akcept' kaj pan',
Sed nun restado tie kurtis —
Multis farendoj de prepar'.
Dum tuta tag' ili laboris,
Kiam la sekva ekaŭroris,
Rekomenciĝis mara vag'.
Navigis tamen ne trankvile
Enej', ĉar mar' lin tedis, kiel
Aŭtuna pluvo al ĉumak'.

135

Venero, revidinte filon
Kun troja hordo sur la mar',
Tuj iris al Neptun', ke ilin
Li ne dronigu en ondar'.
Portata de ĉevaloj-bestoj,
Kvazaŭ edzino de centestro
Ŝi sidis en la kaleŝeg',
Akompanata de gardantaj
Kozakoj, apud ĝi rajdantaj,
Kaj sub koĉera lerta reg'.

136

El blanka drap' estis surtuto
Sur kaleŝisto tiu ĉi,
Rubande borderita tuta,
Sep duonrublojn kostis ĝi.
Skarlata ĉap' sur nuko sidis,
Kiun defore oni vidis;
En mano estis longa vip',
Per ĝi ĉevalojn li edukis,
Kaj antaŭ l'ĉaro ili flugis,
Kiel venteg' tra stepa stip'.

137

Alvenis kiel ĉevalkapo*
Vener' al kort', kun bru' kaj kri',
Kaj pordon de Neptun' sen frapo
Enflugis kiel raba strig'.
Kaj sen apartaj antaŭvortoj,
Dirinte nur, ke sana sorto
Estu ĉe l'kapo de Neptun',
Sur lipoj ŝmace lin kisinte,
Ŝi tuj transiris, ne lasinte
Lin diri ion, al postul':

138

"Neptuno, kiel onklo mia
Vi devas helpi al nevin';
Ja ŝaŭme baptopatris* iam
Vi Afroditon, nome min!
Enejajn ŝipojn ne damaĝu,
Ke li kun sia bando naĝu
Estonte ĉiam kun feliĉ'
Tioman timon li ekhavis,
Apenaŭ sorĉoflustroj savis.
Plag' mordis lin super sufiĉ'."

139

Neptuno lipojn eklekinte
Kun palpebrumo kaj rider',
Ĉe tablon dece sidiginte,
Proponis brandon al Vener'.
Dum regalad' esprimis preton
Kun ĝoj' plenumi ŝian peton,
Kaj baldaŭ adiaŭis ŝin.
Kaj tuj favore vent' ekagis,
Ŝiparo for de l'ter' eksagis —
Enejon helpis ja patrin'!

140

Servisto ĉe Enejo estis —
Pramisto de plej alta klas'.
Li tre fidelis kaj honestis.
La niaj nomis lin Taras'.
Ĉi tiu, side ĉe ŝiprando,
Svingiĝis, ĉar pro troa brando
Jam ebriiĝis ĝis kulmin'.
Ke li ne dronu, do, Enejo
Ordonis saĝe al dormejo
Plej urĝe forkonduki lin.

141

Sed eble al sinjor' Taraso
Antaŭskribitis pri l'estont',
Ke nur ĝis nuna vivofazo
Suferu li en nia mond'.
Li jam ne tute vertikalis
Kaj kaprenverse akven falis,
Elplonĝis la animo nur.
Enej' post tiu ĉi okazo
Ekpreĝis, ke trojanamaso
Ne dronu tuta en futur'.

***************************

**Notoj**

113 **sidigi iun sur glacion** — ukrainlingva idiomaĵo signifanta: detrui, pereigi ies aferon, entreprenon
105 **hriŭno** — ukraina monunuo
126 **ĉumako** (jam delonge proponata neologismo) — en Ukrainio en la XV-XIX jarcentoj veturigisto kaj komercisto, kiu veturigis sur ĉaro, tirata de bovoj, grenon, salon, fiŝojn kaj aliajn varojn
137 **ĉevalkapo** — timigilego el ukrainaj fabeloj
138 ĉar Afrodito ( helena varianto de Venero) aperis el marŝaŭmo, ŝi opiniis Neptunon sia **baptopatro**



# Antaŭbalota letero

Saluton, Peĉjo! En la temp'
De nia ĉebalota febro
Ne luktas mi kontraŭ sistem'
Eĉ ne scivolas pri l' afero.

Mi ne soifas, nek malsatas
ĉe la nuntempa mezepok',
sed vivoir' apenaŭ glatas
en mia kutimega lok'

de la inspiroj kaj desperoj,
akiroj, perdoj, ktp.
Mi streĉe spektas dum vesperoj
novaĵprogramojn. Kial do

alie jam pensioj altas,
alie stratoj bonasfaltas,
alie inflaci' forestas,
alie eĉ naskado kreskas –
sed ne ĉi tie? L' tuta ŝtat'
nun apud sojlo de l' balotoj
aplaŭdas al la elektat',
la ŝtatsavanto. Do per botoj,

verŝajne, draŝos min popolo,
ĉar kunaplaŭdi en ekstaz'!
evitas mi laŭ propra volo,
kaptita de la embaras',

ke nur alien beno sava
alvenis kun bonfarto rava,
kun kresko industria grava,
eĉ kun humuro riĉenhava –

sed ne ĉi tien! Kial mi
plu vivas en sorĉita marĉo?
Kial min lezas pli kaj pli
La trompa pozitiva barĉo,

Fluanta antaŭ la balotoj
El televido, el radi'?
Mi, ŝajne, diris jam pri botoj –
Eĉ tion jam ne timas mi.

Ja estas ver' – eĉ se kun tristo:
Ŝtelist' pli bonas ol buĉisto,
Sed eblas ja transformo frua
De la unua al la dua...

Do dubas mi, karulo Peĉjo,
Estante ja honesta hom',
Ĉu iru mi al tiu peĉo,
Aŭ pace restu en la dom'.

Sed vi, la oponant' racia,
Al embaraso stulta mia
Sendube kraĉas kaj rebatas:
- Vi ne soifas, nek malsatas!
Do kunaplaŭdu ĉion brave,
Ĉar povus esti eĉ pli mave...

***Mikaelo Bronŝtejn***

# Vizaĝoj de Verakruco

(sekvo)

*Peter Browne*

**12. En Barako (1986)**

Iasence restado en barako estis komforta. Bonŝance, ĉar jam de semajno mi suferis je diareo. Tiu mia aflikto statis, laŭ la kuracisto, "ne-grave", sed ĝi ja limigis mian movadon. Puno al la tro protektita usona stomako. Laŭeble komforte mi restis sur faldlito kaj praktikis la meditadon.

Ĉiutage necesis zorge esplori la barakon kontraŭ etbestaĉoj. En verakruca savano mortigvenenaj serpentoj kaj araneoj estas reala, kvankam malofta, danĝero. Bonŝance ne estis multaj suspektindaj araneoj.

**13. Papilioarbo (1991)**

Tute proksime de la domo de Don Isŝmaelo estis granda, bela, alta arbo, kies supro kvazaŭ tuŝis la ĉielon. Tiun arbon kovradis temp-al-tempe tuta nubo da papilioj. Iun fojon kiam mi preterpasis tiun arbon, multnuanca kaj kirliĝanta nubo tute ĉirkaŭis min. Ĝuste kiel al Maŭricio Babilonia en la romano *Cent jaroj da soleco* de Gabriel García Márquez.

**14. Profundnoktoj en El Coyol (1991)**

Mezjunie komenciĝis la tempo de pluvegoj. Tage kaj nokte faladegis la torentaj akvoj.

Kvar grandegaj siteloj, strategie lokitaj, ne sufiĉis por kolekti la akvon kiu penetris tra kelke da malgrandaj fendoj en la plafono. La tuta suba planko inundiĝis; necesis forbalai akvo-amason ĉiumatene: postula tasko. Pluvo, fluo, tristo, kaj soleco – fakte nur intermite – eta televid-aparato por laŭebla distriĝo. Tiu malgranda ekrano fariĝis bona amiko, tio estas, kiam bonŝance haveblis elektron. Tiam fakte la plej banalaj elsendaĵoj fariĝis bonvenaj... estis tre dezirinde eksenti iom da civilizo tie meze de la vasta mistera nokto.

Jes, mi ofte restis sola en la patriarka domo, sola inter la fantomaj spacoj kaj abundaj sonoj de la meksikia nokto. Rimarkinda inter tiuj sonoj estis la regula ĥoro de tri azenoj, ŝajne ege melankoliaj pro neplenumita amor-deziro, aŭ eble pro io simila. Tiu pasia, patosa elkriado, kun ĝia triangula strofo kaj antistrofo, daŭris de meznokto ĝis tagiĝo. Tiuj esprimplenaj plendoblekoj iom post iom profundiĝis en mian animon, integriĝis al mia konscio... neniam eblos ilin forgesi.

Aliaj sonoj estis tondro... kaj pluvado. Fulmŝtormoj ofte forigis elektran provizon dum kelkaj tagoj kaj noktoj. Tiam estis nenio por fari post krepuskiĝo krom kviete kuŝi meze de la premanta mallumo, eble sonĝante pri Albina aŭ Maria Eugenia. Dum tiaj noktoj estis tamen tuta aventuro iri suben kaj supren laŭ la alta, spirala, eĉ zigzaga, ŝtuparo lumigita per nenio krom malgranda poŝlanterno.

**15. Soleca Antolín (1991)**

Antolín estis grava figuro en El Coyol. Amika, bonkora, religieca kaj babilema. Antolín havis tamen animan problemon, malsanon: la soleco. Ambaŭ liaj gepatroj mortis pro kancero kiam li estis ankoraŭ knabo, sed ili lasis lin kun mono, brutaro, kaj bieno. Antolín estis vakero, buĉisto, kaj elektristo. Li estis tre utila en la bienego kaj al ties loĝantoj. Ĝenerale, oni ŝatis lin. Tamen lia tristeco restis nevenkebla, kaj tio puŝis lin al hazarda drinkado, ofte dum tutaj semajnoj. En El Coyol mi ankaŭ eksentis triston, specialan meksikian triston, animstato profunde radikitan en konscio de la morto. La tristo de tiuj noktaj plendokrioj de la bienaj azenoj. Tristo de l' meksikia nokto, vasta kaj nigra; tristo de la senfina pluvado. Tiu tristo igis min drink-kamarado de Antolín, kaj tiu drinkado daŭris multajn tagojn.

Kunuloj de Antolín estis indianoj de preskaŭ pura sango. Sed Antolín, la ido de hispanaj prapatroj alportintaj Amerikon far siaj sonĝoj pri konkero kaj markizeco, tamen havis la tradician arogantecon de blankhaŭtulo malnov-meksikia kaj traktis siajn indianojn-kunulojn kiel servutulojn. Tute normala afero en tiu feŭdisma socio de 1991: blankhaŭtulo ordonas, indiano obeas.

Nenia dubo: Antolín estis grandsinjoro laŭ dia kaj homa leĝaro, denaska heredanto de antikva privilegio. La indianoj devis konstante alporti drinkaĵon, fiŝaĵon, fromaĝon; niaj festenoj ja estis grandiozaj. Mi, gringo, eksterlandano, tamen por la indiĝenoj heredanto de la sama pratempa benaĵo, protesti ne riskis. Ni drinkis plurajn horojn en la indiana barako – la loĝejo de Antonio mem. Dum tiu tempo Antolín diris multon pri sia mondo: pri brutaroj, ĉevaloj, kaj pistoloj. Pri la vasta verakruca savano, pri la profunda fatalo de la vivo kaj la morto. Pri tempoj jam de longe pasintaj: pri la epoko de la grandaj *haciendas* (brutbienegoj) antaŭ la Meksikia Revolucio. Drinko post drinko, tago post tago, daŭra pluvado: rememoro de l' legendoj kaj esencoj de vasta kaj triste bela mondo.

**16. La Kuirejo de Doña Tela (1991)**

Ĉie en Verakruco estis muŝoj. Eĉ en la bonegaj kuirejo kaj manĝejo de Doña Tela. Mi ne memoras iam manĝi sen tiu ĝenaĵo. Estis kvazaŭ ĉiama memorigo, ke oni fakte troviĝas en Meksikio...

Priskribi la manĝaĵaron de Doña Tela, en tute ĝia gamo, nuanciĝo kaj komplekseco, estus peniga tasko. Tie, ja ŝajnis koncentriĝi la regiona kuirarto en ĝia tuteco. Tie, kiel ĉie en Verakruco, preskaŭ neniu manĝaĵo estis sen bona kvanto da maizaĵo kaj da "verda fajro" kapsiketa. Ofte la plej simplaj manĝaĵoj estis la plej satigaj: spicita viando envolvita en *tortillas*, faboj kun rizo: tiajn aĵojn mi ja manĝis en granda abundo.

### 17. La Aviadiloj (1991)

Super El Coyol estis regula kaj daŭra flugado de aviadiloj. Tage, nokte, ĉiuhore, oni aŭdis foran sed nekonfuzeblan sonadon, plej ofte tra pluvnubaj tavoloj, kvazaŭ insista memorigo ke ie – ne tro malproksime finfine – ekzistas la dudeka jarcento kun ties teknologio.

La verakruca flughaveno estas je proksimume 60-kilometroj de la brutbieno.

Pri tiuj aviadiloj ĝuste, Antolín elmontris grandan interesiĝon. Verŝajne ili agordiĝis je iu sopiro lia, la deziro vidi mondon – kaj eble epokon – trans la horizontoj de l' verakruca savano.

Antolín sonĝis pri vivo en la metropolo. Li volis sin establi en MeksikUrbo kaj fariĝi estro de granda uzino. Sed li jam aĝis je 35 jaroj, kaj lia ekzistado en El Coyol jam havis fortajn radikojn, verŝajne neeltireblaj.

### 18. Senluksstata Antonio (1993)

Antonio estis indiano de ŝajne pura sango. Laŭ la feŭdisma sociologio de El Coyol li estis ĝuste la malo de Manolo: li okupis la plej malaltan socitavolon. Li estis tamen kontenta, ĉar li havis lokon en la kosmo de la bieno, eĉ se modestega. Li fakte ĝuis certan socian bonfarton; ekzemple, kiam antaŭ kelkaj jaroj li rompis al si la kokson, la bienuloj alportis lin al kompetenta kuracisto.

La loĝejo de Antonio troviĝis sufiĉe proksime al la domtereno de Don Isŝmaelo, fakte, nur aliflanke de la tera vojo kondukanta for de la ranĉo (la plej proksima vilaĝeto distas je 8 kilometroj). Temis pri tradicia verakruca indiana barako. Ĝiaj muroj konsistas el lignaj stangoj, tra kies interspacetoj okazas trablovoj: fakte ne problemo en Verakruco, kie la vetero neniam tro malvarmas. La konusforma tegmento de tiu humila barako estis farita el tavoloj de bone kunpremitaj palmfolioj, bona ŝirmilo kontraŭ la suno kaj pluvo de tiu tropika klimato. Tiu kabaneto havis teran plankon, kaj grandan surteran kameno-fornon el krudaj ŝtonoj. Estis malmulte da mebloj: kelkaj triviĝantaj seĝetoj, kelkaj flannkigitaj faldlitoj. Kelkaj bildetoj de la Virgulino kaj de sanktuloj ornamis unu muron. Tiu hejmo impresis min kiel tre vaka kaj iom morna, kontraŭe al la kabaneto de Doña Blanca, ĉiam plenplena je vivo kaj kanto.

Antonio ŝajne tre ĝojis, ke engastiĝis ĉe la gringo (homo el la mitologia, riĉega Usono) plej ofte menciata tutsimple kiel *allá* (tie). Li bonvenigis min kun sia granda dentoplena rideto, alportis *tortillas* kaj aliajn manĝaĵojn. "*Ya verás que soy el mero chingón en esta casa*" (meksiki-fivorte: Nun vi vidos ke mi estas tre granda ulo en ĉi-tiu domo) li diris. Fakte Antolín kaj mi rifuĝis en lian loĝejon ne por lin honorigi, sed por povi drinkadi for de la vidkampo de la striktmora Don Isŝmaelo dum tiu ege pluvoza sezono. La pluvo konstante faladis iugrade, sed Antonio ne tre grumblis kiam Antolín ordonis al li piede alporti tiun aŭ alian aferon, ofte je kilometro da distanco. Tio estis fine lia akceptita loko en la ordo ĉi-monda, kaj krome, ankaŭ ricevota trinkmono ne estis malŝatinda.

Dum pluvadis daŭre kaj softe super la palm-folia tegmento, ni priparolis la plej diversajn aferojn, kaj Antonio fakte partoprenis la konversacion siamaniere. Estis interesaj kelkaj liaj kredoj, ekzemple, laŭ li aviadiloj ne povas flugi tro proksime al la pinto de Orizaba, ĉar tiam la vulkano perforte ensuĉos ilin. La samo okazas al homoj kiuj tro proksimiĝos al ties kratero... Antonio diris tion kiel sinceran admonon, por ke mi ne intencu surgrimpi tiun monton...

### 19. Fraŭlino Doña Fina (1991)

Doña Fina estis alia grava virina figuro en la ranĉo. Ankaŭ pli ol seddekkvinjara, ŝi neniam edziniĝis, sed dediĉis la ĉiutagajn horojn al la biena lernejo kie ŝi estis la mastrino de pramemore. Doña Fina kredis sin la floro kaj kremo de la loka aristokrataro, kaj mi ne neus ke ŝi fakte tia estas, ĉar nek ŝia konduto, nek ŝia supozebla bank-konto kredigus alie.

Por Doña Fina la plej admirinda fazo de la civilizacio estis la franca *belle-époque*. La plej bonaj elementoj en meksikia kulturo tutcerte venis de tiu Francio, patrino kaj modelo de la eleganteco.

Aliflanke Doña Fina kredis je la plej strikta moraleco (la historiistoj diru al ni ĉu vere tio estis karakterizaĵo de la *belle-époque*). Aidoso estas inventaĵo de Dio, speciala puno kreita por juste puni nekredantan kaj malmoralan mondon. La katolika eklezio prezentas la ununuran veran religion, kiun perfekte komprenas nur denaska aristokrato pro ties supera posteno en la granda ĉeno de l' kreitaĵaro. Doña Fina kaj aliaj aristokratoj en El Coyol ĝenerale konsentis ke la Protestantismo naskiĝis pro la malkapablo de la malpli altaj soci-tavoloj taŭge kompreni la esencan veron de la eklezio. Usono estis koloniita ĉefe de tiaj Protestantoj, kaj pro tio la plejparto de ĝia loĝantaro ne estas kapabla taksi la plej altajn valorojn de la spirito kaj de la kulturo. Tio klarigas kial en Usono la homoj estas ege nesciantaj (kiel evidentiĝas ekzemple en lasttempaj ekzamen-enketoj pri mond-geografio), kaj fakte interesiĝas nur pri mono. Unuvorte, la malbeninda materialismo de Usonanoj havas siajn radikojn en la herezaĵoj de la protestanta skismo. Kontraŭe, la meksikia aristokrataro interesiĝas ĉefe pri aferoj de la spirito. Tamen mi rimarkis ripetfoje ke en El Coyol pro ia kialo neniu estis leginta ion ajn.

### 20. Aristokrata Manolo (1991)

Manolo estis mem-proklamita aristokrato kaj snobo, laŭ kies opinio – tre malkaŝe esprimita – la plej altaj soci-tavoloj meritas tre specialajn privilegiojn, nehaveblajn por ordinaraj, labor-klasaj homoj. Li tre elokvente esprimis sian plendon ke tio nur kaŝeme eblas en la postrevolucia, nuntempa Meksikio. 30-jara, svelta kaj laŭmode bel-aspekta, absolute senriproĉa en siaj manieroj, Manolo estis studinta juran profesion universitatnivele en Meksik-Urbo, kaj perfekte kaj nevarie elparolis laŭ la prestiĝdialekto de la metropolo (kontraŭe al lia patro, kies elparolo spegulis pli-malpli tiun de ordinara brutbienulo de la regiono). Nun Manolo restis en la gepatra domo kaj dediĉis sin al trankvila administra laboro en la ranĉo. Manolo kapablis priparoli ĉion

kun multege da poluro kaj kun tre malmulte da profundeco aŭ originaleco... fakte ne imageblas homo tiom rafinita kaj tiom banala ideare. Finfine, lia aparteno al (tre eble) la plej alta soci-tavolo ne postulis ian profundiĝon, ĉar la perfekteco evidente jam delonge – eĉ denaske – estis atingita.

**21. La Voĉo de Doña Tela (1991)**

Doña Tela, fratino de Don Abel kaj edzino de Don Edmundo, estis sendube la plej grava virino en El Coyol. Nun ŝi estis pli ol 70-jara, sed ankoraŭ laboris en sia vendejeto samkiel ŝi tion faris dum jardekoj. Doña Tela estis tamen heredinto de grandaj bienoj kun terenoj, bovaroj, kaj de bona kaj impona bankkonto. La vera funkcio de la vendejeto ne estis mongajno, nek servado al la komunumo, nek okupiteco. Ĝi estis antaŭ ĉio informejo, vojkrucejo de la plej diversaj voĉoj, opinioj, raportoj. Ĉiuj, de la plej malgrandaj ĝis la plej grandaj, vizitadis tiun ejon kaj ĉiu parolis konfide kun Doña Tela, kiu daŭre informiĝis pri la aferoj – kaj konataj kaj kaŝitaj – de multege da homoj en almenaŭ dudek-kilometra ĉirkaŭaĵo.

La spirito de Doña tela, profunda, kvieta kaj absorbema, similis araneon atende sidantan sur la interplekto de tre diversaj fadenoj. Ŝia kapo enhavis tre kompletan socian kaj sociologian bildon kaj mapon de tiu mondpeceto. La sinjorino estis ege respektata kiel saĝa kaj pia virino, kaj ŝiaj vortoj havis pezon. Do laŭ sia tute trankvila maniero ŝi kapablis manipuli tiun aŭ alian fadenon – nur per oportuna kaj ĝustatempa eldiro de sugesta vorto. En sia ŝajne modesta vendetejo Doña Tela havis efektivan influon al multaj decidoj kaj faroj. Oni geedziĝis, negocis, kaj amikiĝis laŭ ŝiaj konsiloj, pruntis aŭ rifuzis prunti monon. Oni havis bonan aŭ malbonan opinion pri tiu aŭ alia ulo pro nur kelkaj ŝiaj vortoj.

Doña Tela estis ankaŭ bonega kuiristino. Ĉe ŝia tablo mi estis daŭre gustumante tutan gamon de superaj meksikiaj pladoj. En la kuirejo helpadis ŝin du grav-mienaj knabinoj.

En la nuntempo Doña Tela estas preskaŭ neforigebla elemento en El Coyol kaj tie ŝi restas fikse en la centro de sia mondo. Tamen junaĝe ŝi vojaĝis, kaj kune kun grupo da parencoj eĉ atingis la akvofalon Niagara en Usono.

**22. Don Edmundo, Poeto (1991)**

Don Edmundo estis alia elstara figuro en la ranĉo. Folklora poeto de junaĝo, la 70-jara vakero estis ankaŭ fanatika amanto de ĉeval-konkursoj, bredis proprajn kur-ĉevalinojn. Malgraŭ siaj jaroj, la poeto ankoraŭ elmontris grandegan vivplenecon kaj elanon. Tio malgraŭ lastatempa ŝanceliĝa sanstato, kaj perdo de unu okulo.

En la memoro de Don Edmundo estis granda amaso da facile parkerigita poezio, sia kaj aliula, kaj li gardis kapablon tuje elpensi tutajn poemojn por la plej diversaj okazoj (kiel ekzemple mia preskaŭ fatala falo desur rapideganta ĉevalo).

La poezio de Don Edmundo estis eksploda kaj ĝojplena ekrido. Tra ĝi kuradis la sovaĝa gajo kaj spontaneco de la aperĉiela verakruca savano.

La poezio de Don Edmundo ofte estis obscena, kaj lia parolado ne multe malpli; li fakte ne havis multe da hezito publike priparoli kaj priŝerci viziton al putinejo, ja tion li faris eĉ en la ĉeesto de sia bonkora, milda, kaj pia edzino (kiu ne koleris, aŭ estis tre lerta ne montri sian koleron). Tion mi konstatis multfoje: en Meksikio la sekso havas iom alian signifon en multaj sferoj, kaj la seksa moraleco iras laŭ aliaj koordinatoj ol ĉe ni en Nord-Ameriko – malgraŭ ke temas pri socio trempita en tradicion, en religiemon... Don Edmundo estis bona viro aldone, kaj estis tre estimata de multaj eĉ for de El Coyol. Lastatempe liaj bonhumoro kaj kuraĝo ĉe sortobatoj pliigis la respekton kaj admiron de aliuloj.

**23. Vivu la Mustelo! (1991)**

En El Coyol la plej altaj soci-tavoloj konsideras sin definitive superaj. Se oni pripensas, ili reale kaj sociologie estas tiaj: en Meksikio grandaj terposedaĵoj kaj monego en la banko kombine kun bona familia nomo ofte signifas efektivan politikan potencon, eĉ altan estraran postenon regione. Tiakiale El Coyol estas prestiĝ-etikedo dise tra ampleksa regiono de Verakruco. Eĉ la biena laborantaro fieras pri iela aparteno al tiu etikedo, kaj kvankam fakte tute subigitaj al aĉa feŭda sistemo, ili konsideras sin aparte bonŝancaj.

Don Xavier estis granda brutbiena kapitalisto; lia frato, ankaŭ kreskinta en El Coyol, estis grava episkopo en la regiono. Don Xavier tre ŝatis usonan prezidenton George Bush kaj ofte laŭdis ties politikon en la Persa Golfo. Por mi Bush estis La Mustelo, tio estas, ege ruza kaj glitpova politikisto. Don Xavier ŝajne ne konstatis la ironion kiun enhavis tia kromnomo (oni tamen ne miskomprenu: mi tre admiras la cerbon de la prezidento – sendube fajna kaj sagaca aparato; bona mustelo ja bezonas tian cerbon). "Vivu Bush, La Mustelo": mi estis kreinta tiun devizon kiu tuj disvastiĝis tra El Coyol. Ofte ĉe festoj Don Xavier entuziasme elkriis "Vivu Bush, La Mustelo!" – sen plej eta sugesto de ironio siaparte. Por li Bush estis enkarnigo de la plej bonaj trajtoj de usona socio: militanta kapitalismo, potenco ebligita per mono, filozofio kaj praktiko de la devizo "potenco pravigas". Malgraŭ sia ega admiro por Usono kaj por George Bush, Don Xavier ne parolis la anglan lingvon, krom kelkaj vortoj sufiĉe kripligitaj. (Fakte el proksimume kvindek altklasanoj en la ranĉo, nur unu posedis efektivan scion de la angla. Don Xavier tamen iom konis la latinan lingvon pro siaj multaj jaroj ĉe seminario). Malgraŭ ĉio, mi ne volis kontraŭi la sintenon de Don Xavier, kaj fakte ni forte festis kaj drinkis kune ĝis profundaj horoj de la nokto, interpunktite je ekkrioj de "Vivu Bush, La Mustelo!" kaj "Vivu la Asocio Brutbienula!", kelkaj elbuŝigitaj de via aŭtoro mem. (Al la last-menciita asocio apartenas plejparto de la altklasanoj en El Coyol kaj najbaraj bienoj).

Don Xavier havis sepjaran fileton kun ege eŭropecaj trajtoj: blonda hararo, ĉielbluaj okuloj, blanka haŭto. Ja, tio estis la hela vizaĝo de usona knabeto. Krome, la etulo estis vestita per laŭmodaj usonaj vestaĵoj. "Tiu estas la nepeto de George Bush", diris Don Xavier pli orgojle ol ŝerce. *(daŭrigota...)*

# Fra Gaeta



**La flamo**

dum estas mi ĉefe detrua
de tio per kio min nutras
ne gravas se ĉio jam putras
dediĉe al ago instrua
naskita de vol' origina
mi estas la flamo de l' vivo
simbolo de am' al festivo
l' ebleco por ĝoj' ilumina

**Komence kune kun Neli'**

ekdancas kune ni mias feliĉo
femuroj niaj tanĝas en sandviĉo
apude niaj koroj kunbatadas
vizaĝo via ĉe l' mia najadas
man' via en la mia premsentivas
l' alia sur la ŝultro tene drivas
ni ambaŭ en vorticon kuntrenate
gvidataj de muziko dancas glate

**Mi nomiĝas Neli'**

suna estaĵo kun noviga eco
kiu fariĝis bela estanteco
de l' idealo viva jam en mi
frukto de l' iam ama alĥemi'
bela eĉ nun ĉar estas mi virino
lertas ĉi korpo dolĉas ĉi pralino
venu vi ludi kun edziniĝinta
kies ĉefpordo restos ŝlosiĝinta

**Al Ea Anjo**

feliĉas mi ke vi inter ni estas
kaj kiam vin mi vidas ĉi kor' festas
vi mense bele lante pli rapidas
kaj kun sukceso ĉiel koincidas
sed kiam nian lingvon vi gustumos
kaj la etoson ĝian elbrakumos
en ĉiun lokon vin vi hipotezu
nur poste por pravigi antitezu

**Monika, kune kun vi**

vi ne moviĝas amatina bildo
mia deziro longe vin brakumas
el mia eno venas granda mildo
dum niaj koroj intertransfuzumas
nun mi ne scias kio estas mia
kaj kio vin persone apartenas
en nia unueco estas tia
vivo kiel fidece pli serenas

**Por vi Madamo** (Marjorie Boulton)

"veas la vento el la nordo"
ĉio atendas en akordo
kvankam stariĝus katastrofo
tero plu restus ama sofo
estas mi filo eĉ de l' nokto
venon ne timas de la vokto
kantas koruso en ĉi koro
antaŭ la taga sunsplendoro

**Pri Anĝelina**

ino anĝela
el la urbo feniksa
per voĉo bela
mian koron dorlotis
kaj kvankam anekdotis
la reta blogo
al fandiĝo oniksa
estis prologo

**Memore al Rozelina**

dum vento blovis sur la dura grundo
la lasta spiro solis malinundo
la solvo jam alvenis la faktiva
ĝi ĉie iĝas la definitiva
nun restas vi en mia kormemoro
amike la virina amtrezoro
en mia nokto vi restadas lumo
kaj en la ĝojo estas vi parfumo

**Revsonĝo de migranto**

espere revi ŝvebe ensonĝiĝe
por vivon savi migri elĉerpiĝe
eltrovi tion ĉi ĉi oran gruzon
minejan indikilo-malkonfuzon
en jene envolvanta paradizo
pro ĝoja kanto-danco-improvizo
magie floras la feliĉinvado
animinterstelara eldorado

**Solece**

el sonĝo per ago flugila
vekiĝe mi liton retrovas
solece en ordo trankvila
finfine venteg' ne plu blovas
kaj jen per skribil' ĉampione
samkiel teatro espero
plu ludas nur unupersone
laŭ mia bonvola gejsero

**Tiom ŝi allogis!** (somere 1955)

neniam mi forgesos vjetnaminon
post longa al amora ĉirkaŭpeto
konsentis ŝi pasigi posttagmezon
kun mi en sia ĉambro senvestiĝis
kaj ambaŭ tuj naĝegis altamare
ĝis pro l' varmego ŝvito tre abundis
l' elano tamen daŭris lertakore
dum haŭt-ĉe-haŭto laŭt-muzik-
plaŭdadis

**Post malbonklopodoj**

trakorpe ĝia vundo plu ulceras
malbono rezistadon maltoleras
ekiĝis kaj neniel elfiniĝas
pluade la sufer' enradikiĝas
nu do alkernreage ĝin batale
forigas viv' puriĝas radikale
kaj novesper' naskiĝas en la menso
dum mi plu kredas iel je imenso

**Mankas io**

je vi sopiras mia ama sento
ĉi celon malpravigas impotento
sed tio estas ne nur nuna sperto
pri tia nekapablo jam koncerto
laŭiris mian monan aĉetlerton
kaj tial mi plejofte la dezerton
trairis esperante je vespero
la revon plenumonta per la vero

**Reagi**

en gvatanta silent' anomalie
sen la scio aŭ ino el alie
mankas io ho ve en ĉiu loko
tiel estas ke vive venis moko
ĉio pretas je falo trudiĝema
nepras ago por savo solvekstrema
ponton krei por nove ama fluo
fosi longan tunelon por refluo

**En nigra tuto**

kiel fakulo per nigra ekrano
la komputilan staton ekzamenas
tiel en nigra tuto l' animstaton
sondadas mi serene por la vivo
poste en luma ĉambro jen aperas
eta makulo pro l' fizika feblo
kaj mi konscias pri la homa sorto
jes perfektebla sed en lima esto

## Noktega memorsperto

Kuŝadas Brenda kaj mi
Kontemplante la perditan universon
Elde malgranda kaj alta fenestro
De nia kaŝej'
De amor' kaj morto.
La teruran nokton de Reynosa ni kontemplas
Nigran nokton dike tenebran
Kadukan
Sen stelo ajna.
La pokaj lumoj de benzin-uzino
Koloron donas al orgasmo nia.
La ŝanĝiĝantaj neonoj
De plezurdomo peka
Nomon donas al niaj karesoj.
*Ĉar nenio 'stas tie-ĉi.*
Tion diras Brenda
*Jen la vero: 'stas nenio.*
Reynosa
Rio Bravo
Hidalgo
McAllen
Brownsville
Matamoros:
La nenio loĝas en ĉiu urbo.
Kaj ĉi neste eta kaj bela ino
Min elsalvas el nenies lando
El forgeso, el nenio.
El nenies marĉoj.

Amantoj orfaj ni estas
Kaj amoras
Ĉe mondofin'.



Landlimo tiom obskura
Kiel inko de sinistra
Giganta polpo
El Julio Verne.
MIa kor' meksikia en korp'
De GRINGO
Apartenas al ĉi nokt'
Inter pintoj kaj korbatoj
Dum proksime polue fluas
La Rivero Rio Bravo
Longega kloako de du landoj
Kaj de sendokumentuloj.
Pasporton tamen havas Brenda kaj mi
Al la pendaj pontoj de Babilonio
Al la skiejoj de Colorado
Al Niagaraj buntolumoj.
Tiom malproksime de ĉio-ĉi
De nia mondofino
De niaj noktegaj memorspertoj
Perdite en la kota urbo
En ebenaĵo plej vasta.
Kaj Brenda kun la kaf-okuloj
Brenda kun la perlohaŭto
Transportas min al nask-eksplodo
De helenaj, de ŝafidaj
Nubegoj.
Frumatene ni mortoridas
Pro teorio de Brenda
Ke la mantisinoj lesbianas
Ĉar ja ili aliajn inojn voras
Kap-komence
Samkiel la masklojn
Dum fika ag'.

*--Reynosa, Tamaulipas, 1996.*

poemoj de

**Peter Browne**

## La strato de l' nenio

Lokoj estas kie la nenio nestas;
Tion sciu, ho amiko, tion ci sciu.
La nenio, kvazaŭ malhela araneo,
Vivujon trovas plej angule.
Tamen, ĝi ankaŭ marŝas sub la sun'
Kaj ho! Ĝi marŝadas longe.

Iru man-en-mane kun la nenio
Ĝuste laŭ ĉi strato
--ĉar ĉi strato nek nunon nek
Historio posedas
Sed nur la malplenan longon.

Forgesu pri nomoj, datoj;
Estu kiel la lacertoj sur muro.
Shakespeare-on ne bezonas
Ajna lacerta cerbo.
Estu kiel saŭro tia;
Trempu cin en la sunecan,
En la longan neniecon;
Fariĝu falaheno.

## Marie Antoinette

Frivolin', frivolin' frivolin'—
Kio pri cia kap' beleta?
Novan pilkan ludon oni elpensis
En subterej', de l' Trianon.
Rajdu ĉevaleton, ho Marie
Rajdu ĉevaleton
Kaj pri elegant' ne timu.
Cia edzo apron ĉasas,
Kaj ci, iun belan svedon.
Mi amas la gloron
De ciaj noktoj;
Brilas steloj kaj stelegoj,
Super la Franca arbar'.
Frivolin', frivolin', frivolin'—
Kio pri cia kap' beleta?

## Jean Jacques Rousseau

Ho kiom bele, kiom bele
Promeni kun la Frivolin'
Ho, man-en-mane
Tra trankvilaj ĝardenoj
De l' rokoko.
Ci ne elpensas gilotinon
Sed simplan, belan
Promenadon
Tra l' granda arbar'
De l' klerisma jarcento
Por povi ja sekvi per-odore
Spurojn lasitajn far hundaĉoj,
Dorlotbestoj el Palaco
De la frivola Trianon.

# KUN SAKO SUR LA DORSO

(daŭrigo kaj fino)

**J.K. HUYSMANS** – trad. ***JP DANVY***

Dio ! Kiom ŝi min dorlotis ! Mi ankoraŭ vidas ŝin, matene, kiam la suno frakasis sur la pavimeroj la ombrojn de la fenestraj bariloj, malrapide paŝi, funde de la koridoro, kun la grandaj flugiloj de sia ĉapelo frapantaj ŝian vizaĝon. Ŝi alvenis apud mia lito kun telero fumanta, kaj sur kies rando brilis ŝia bone tajlita ungo. "La supo estas iom maldensa hodiaŭ matene, ŝi diris, kun bela rideto, mi alportos al vi ĉokoladon ; Rapide manĝu, dum estas varme !"

Malgraŭ la flegoj, kiujn ŝi prizorgis, mi ĝismorte enuis en tiu hospitalo. Mia amiko kaj mi estis alvenintaj je tiu grado de stultiĝo kiu ĵetas vin sur lito, provanta nuligi, per besta dormadeto, la longajn horojn de neelteneblaj tagoj. La solaj okupoj al ni proponitaj konsistis el tagmanĝo kaj vespermanĝo el bolita bovaĵo, akvomelono, sekaj prunoj kaj vinglaseto, ĉio tio en nesufiĉa kvanto por nutri homon.

Dank'al mia ĝentileco rilate la religiulinojn kaj la apotekaj etikedoj, kiujn mi skribis por ili, mi feliĉe foje ĝuis kotleton aŭ piron el la hospitala fruktejo. Sekve, mi estis do la malpli plendinda el ĉiuj soldatoj stakigitaj senorde en la ĉambroj, sed, la unuajn tagojn, mi ne sukcesis matene engluti mian manĝaĵon. Estis la vizithoro kaj la kuracisto elektis tiun momenton por fari siajn operaciojn. La duan tagon post mia alveno, li fendis kruron de supre malsupren ; mi aŭdis ŝiregan krion ; mi fermis la okulojn, ne sufiĉe tamen por ne vidi ruĝan pluvon dissemi siajn gutojn sur lia antaŭtuko. Tiun matenon mi ne povis manĝi. Iom post iom , tamen, mi sukcesis hardiĝi ; baldaŭ mi nur turnis la kapon kaj atentis pri mia supo.

Dume, la situacio fariĝis neeltenebla. Ni provis, sed vane, havigi al ni gazetojn kaj librojn, ni do estis limigitaj je amuza maskado per surmeto de la husara jako ; sed tiu infaneca gajeco rapide ĉesis kaj ni korpe streĉiĝis, ĉiujn dudekajn minutojn, interŝanĝis kelkajn vortojn, remetante la kapon en la kapkusenon.

Ne estis granda konversacio ebla kun niaj kamaradoj. La du artilerianoj kaj la husaro estis tro malsanaj por paroladi. La dragono sakris "Nom' de Di'", sen paroli , staris ĉiumomente, envolvita en sia granda blanka mantelo kaj iris al la latrino, de kiu li raportis la malpuraĵojn sur siaj nudaj piedoj. Mankis al la hospitalo noktovazoj ; kelkaj el la plej malsanaj tamen havis sub sia lito malnovan kaserolon, kiun la resaniĝantoj saltigis kiel kuiristinoj, proponante serĉe ĝian raguon al la religiulinoj.

Restis do nur la loĝistika soldato : malfeliĉa spicista helpanto, patro de infano, revokita en la armeo, konstante febra, tremanta sub la kovriloj. Tajlore sidantaj sur niaj litoj, ni aŭskultis lin rakonti pri la batalo, kiun li ĉeestis.

Sendita apud Froeschwiller, en ebenaĵo ĉirkaŭita de arbaretoj, li vidis ruĝajn lumetojn ŝpruci en bukedoj el blanka fumo, kaj li mallevis la kapon, tremanta, stultigita pro la kanonado, mirigita pro la kuglosiblado. Li marŝis, ene en la regimentoj, sur grasa grundo, vidante neniun Pruson, ne sciante kie li troviĝis, aŭdante flanke ĝemojn strekitajn per mallongaj krioj, kaj poste la soldataj vicoj antaŭ li subite returniĝis kaj, en la interpuŝiĝo fuĝa, li estis, sen kompreni kiel, teren ĵetita. Li restariĝis, fuĝis, forlasinte sian pafilon kaj sian sakon, kaj, fine, lacigita pro la devigaj marŝoj faritaj dum ok tagoj, mallertigita pro timego, kaj senfortigita pro malsato, li sidis en fosaĵo. Li tie restadis, stultigita pro la obusbruego, decidema je nesindefendo, je senmoviĝo ; kaj poste li pensis pri sia edzino, kaj, plorante, li sin demandis kion diable li faris por ke oni lin suferigu, li surgrunde kolektis, sen scii kial, arbofolion, kiun li konservis, kaj kiun li ame obstinis, ĉar li ĝin al ni ofte montris, seka kaj faldita en lia poŝfundo.

Intertempe, oficiro pasis, kun revolvero ĉe la pugno, lin nomis *malkuraĝulo*, kaj minacis lin pri frakaso de la kapo, se li ne marŝos. Li diris: "Pli bone tio. ¿Ho! Ke tio finiĝu!". Sed la oficiro, kiam li lin skuis por restarigo, sterniĝis, sangŝprucanta je la nuko. Tiam timo denove regis lin, li fuĝis kaj atingis malproksiman vojon, inunditan de fuĝantoj, nigran pro trupoj, sulkitan de veturiloj, kies nervaj ĉevaloj krevigis kaj frakasis la vicojn.

Oni fine sukcesis ŝirmiĝi. Krio pri perfido laŭtiĝis el la grupoj. Maljunaj soldatoj ŝajnis ankoraŭ persistemaj, sed la rekrutoj rifuzis plubatali. "Ke ili iru mortigi sin, ili diris, montrante la oficirojn, tio estas ilia laboro, ilia !". "Mi, mi havas infanojn, la ŝtato ne nutros ilin, se mi mortas !". Kaj oni enviis la sorton de la viroj iom vunditaj kaj de la malsanuloj, kiuj povis rifuĝi en la ambulancoj.

"Ha, kiom oni timas, kaj oni konservas en la oreloj la voĉon de la homoj, kiuj vokas sian patrinon, kaj petas trinkadon" aldonas li, tute tremanta. Li silentis, kaj rigardante la koridoron kun ĝojo, li reparolis: "Egalas, mi feliĉas esti ĉi tie ; kaj tiel mia edzino povas skribi al mi", kaj li tiris el sia pantalono leterojn, dirante kun kontento: "la knabeto skribis, vidu !", kaj li montris la malsupron de la folio, sub la malfacila skribado de lia edzino, la bastonetojn formantajn diktitan frazon, kie estis iaj "mi kisas paĉjon" inter inkaj makuloj.

Ni almenaŭ dudek fojojn aŭskultis ĉi tiun historion, kaj ni devis elteni dum mortigaj horoj la rediraĵojn de tiu viro kontenta havi filon. Fine ni ŝtopis al ni la orelojn kaj provis ekdormi por lin ne aŭdi.

Tiu priplorinda vivo minacis daŭri, kiam, iun matenon, Francisko, kiu male al sia kutimo ŝtelvagis la tutan antaŭan tagon en la korto, diris al mi: "Eŭgeno, ĉu vi venu spiri la aeron de la kampoj ?". Mi ekatentas. "Estas korto rezervita por la frenezuloj, daŭrigas li, tiu korto estas malplena; grimpante sur la tegmentoj de la kabanoj, kaj tio facilas, dank'al la kradoj, kiuj ornamas la

-Mi opinias...mi opinias, ke mi estas preta eliri ; sed kiel ni faros por reveni ?

-Mi ne scias ; ni unue foriru, ni decidos poste ; leviĝu, oni servos al ni la supon, ni saltos de la muro poste.

Mi leviĝas. Akvo mankis en la hospitalo, tiel ke mi devis, por min purigeti, uzi Selters-akvon, kiun la religiulino provizis al mi. Mi kaptas la sifonon, mi celas la pentriston, kiu krias "fajron !", mi premas la ellasilon, la malŝargon trafas lin vizaĝplene ; mi miavice instaliĝas antaŭ lin, mi ricevas la ŝprucon en la barbo, mi frotas al mi la nazon kun la ŝaŭmo, mi viŝas min. Ni estas pretaj, ni malsupreniras. La korto estas dezerta ; ni eskaladas la muron . Francisko elanas kaj saltas. Mi rajde sidas sur la supro, mi rapide rigardas ĉirkaŭ mi ; malsupre, fosaĵo kaj herbo ; dekstre unu el la pordoj de la urbo ; fore arbaro kiu nebuletas kaj demetas siajn ruĝorajn ŝirojn sur helblua bendo. Mi staras ; mi aŭdas bruon en la korto, mi saltas ; ni tanĝas la muregojn, ni estas en Evreux.

-Kaj, se manĝus ni ?

-Adoptite.

Survoje, serĉante gastejon, ni ekvidas du virinetojn, kiuj balancetas la koksojn ; ni sekvas ilin kaj proponas tagmanĝon ; ili rifuzas ; ni insistas, ili respondas malpli kaj malpli firme ; ni daŭre insistas, ili jesas. Ni iras al ilia hejmo, kun pastaĵo, boteloj, ovoj, malvarma kokido. Estas al ni strange troviĝi en hela ĉambro, kun murpapero punktomakulita per siringaj floroj kaj verdaj folioj ; ĉe la fenestroj estas kurtenoj el ribkoloraj damaskoj, spegulo staras sur la kamenbreto, mure gravuraĵo prezentanta Kriston ĝenatan de la Fariseoj, ses merizarkaj seĝoj, ronda tablo kun vakstolo montranta la reĝojn de Francujo, lito kun rozkolora perkola kusenego. Ni ordigas la manĝilaron, ni rigardas per dezira okulo la virinojn, kiuj turnadas ; ĉio tio daŭras longe ĉar ni haltigas ilin kiam ili pasas por ilin kisi ; ili estas stultaj kaj malbelaj, cetere. Sed, kiel tio gravas al ni ? De tiom longe ni ne flaris la buŝon de virino ?

Mi distranĉas la kokidaĵon, la korkoj saltas, ni drinkas kiel kantoroj kaj manĝaĉas kiel ogroj. Kafo fumas en la tasoj, ni ĝin origas per konjako ; mia malgajeco forfuĝas, flamiĝas la punĉo, la bluaj flametoj de la ĉerizbrando flugetas en la saladujo kiu kraketas, la virinoj ridas kun haroj en la okuloj kaj la mamoj karesataj ; subite kvar frapoj malrapide sonas je la sonorilo de la preĝejo. Estas la kvara. La hospitalo, Dio nia !, ni ĝin forgesis ! Mi paliĝas, Francisko rigardas min kun timego, ni elŝiras nin el la brakoj de niaj amantinoj, ni eliras kiel eble plej rapide.

-Kiel reeniri ? diras la pentristo.

-Ve ! Ni ne havas elekteblecon ; ni alvenos nur tre malfacile antaŭ la horo de la supodisdono. Dihelpe, ni iru tra la pordego !

Ni alvenas, ni sonoras ; la pordista religiulino venas por malfermi kaj restas surprizita. Ni ŝin salutas, kaj mi diras sufiĉe laŭte, por ke ŝi min aŭdu :

"Nu, do, ili ne estas afablaj en la provianta administracio ; ĉefe la dikulo, kiu ne akceptis nin ĝentile... "

La religiulino eĉ ne diras vorton ; ni galopas al la ĉambrego ; ĝustatempis, mi aŭdas la voĉon de religiulino Anĝela, kiu disdonas la porciojn. Mi plej rapide etendiĝas sur mia lito, mi kaŝas per mia mano la suĉkison, kiun mia belulino deponis sur mia kolo ; la religiulino rigardas min, trovas nekutiman brilon en miaj okuloj, kaj diras kun interesemo :

"Ĉu vi kromsuferas ?"

Mi ŝin trankviligas kaj respondas :

"Male, mi pli bone fartas, estimata, sed tia senokupiteco kaj tiu enprizonigo min mortigas."

Dum mi esprimis tiun teruran enuon, kiun mi travivis, perdita en tiu soldataro, funde de provinco, for de miaj proksimuloj, ŝi ne respondis, sed ŝiaj lipoj streĉiĝis, ŝiaj okuloj prenis nedifineblan esprimon de melankolio kaj kompato. Iam tamen, ŝi estis dirinta, kun seka tono: "Ho! Libero ne taŭgus por vi!" aludante konversacion, kiun ŝi hazarde aŭdis inter Francisko kaj mi, diskutintaj pri la gajaj allogoj de la parizaninoj; tiam ŝi resereniĝis kaj aldonis kun ĉarma lipa paŭto:

"Vi vere ne estas serioza, Sinjoro Militisto!".

La morgaŭan matenon, ni konsentas, la pentristo kaj mi, ke tuj post engluto de la supo, ni denove eskalados la murojn. Je la antaŭkonsentita horo, ni vagas ĉirkaŭ la korteto, la pordo estas fermita ! "Ba ! Spiton ! diras Francisko, antaŭen !" kaj li direktas sin al la ĉefa pordo de la hospitalo. Mi sekvas lin. La pordista religiulino demandas al ni, kien ni iras. "Al la provianta administracio". La pordo malfermiĝas, ni estas ekstere.

Alvenintaj sur la ĉefa placo de la urbo, fronte al la preĝejo, mi rimarkas, dum ni kontemplas la skulptaĵojn de la antaŭpordo, dikulon, ruĝlunan vizaĝon kun blankaj lipharoj, kiu rigardas nin kun miro. Niavice ni lin rekte rigardas, impertinente, kaj ni daŭrigas nian vojon. Francisko soifmortis, ni eniras trinkejon, kaj, gustumante mian duontason, mi trarigardas la lokan gazeton, kaj tie trovas nomon, kiu revigas min. Verdire, mi ne konis la personon kiu ĝin portis, sed tiu nomo vekas en mi rememorojn delonge forviŝitajn. Mi memoris, ke unu el miaj amikoj havis parencon altpostenan el la urbo de Evreux. "Nepre necesas, ke mi lin vidu !", diras mi al la pentristo ; mi petas lian adreson de la trinkejestro, li ĝin ne scias ; mi eliras, kaj vizitas ĉiujn panvendejojn kaj apotekojn, kiujn mi renkontas. Ĉiuj manĝas panon kaj trinkas farmaciaĵojn ; ne eblas, ke unu el tiuj metiistoj ne konu la adreson de Sinjoro de Fréchêde. Mi trovas ĝin, fakte ; mi senpolvigas mian uniformjakon, mi aĉetas nigran kravaton, gantojn kaj mi iras milde sonori, straton Chartraine, al la krado de domego, kiu starigas siajn brikajn fasadojn kaj ardezajn tegmentojn meze de suna malordo de parko. Servisto enirigas min. Sinjoro de Fréchêde ne ĉeestas, sed Sinjorino jes. Mi atendas, dum kelkaj sekundoj, en salono; pordokurteno leviĝas kaj maljunulino aperas. Ŝi aspektas tiom ĝentila, ke mi resereniĝas. Mi klarigas, per kelkaj vortoj, kiu mi estas.

"Sinjoro, ŝi diras al mi, kun bona rideto, mi multe aŭdis pri via familio ; mi eĉ opinias, ke mi vidis Sinjorinon Vian Patrinon ĉe Sinjorino Lezant, okaze de mia lasta vojaĝo al Parizo ; vi estas bonvena ĉi tie."

Ni longe diskutas ; mi, iom ĝenata, kaŝanta sub mia kepo la suĉkison de mia kolo ; ŝi, serĉante akceptigi al mi monon, kiun mi rifuzas.

"Nu, ŝi fine diras al mi, mi tutkore dezirus esti utila al vi ; kion mi povas fari ?"

Mi respondas al ŝi: "Nu, Sinjorino, se vi povus atingi, ke oni min resendu al Parizo, vi ege utilus al mi ; la komunikaĵoj estos baldaŭ haltigitaj, se mi kredas la-

gazetojn ; oni parolas pri nova puĉo aŭ faligo de la Imperio ; mi ege bezonas revidi mian patrinon, kaj ĉefe ne esti kaptita ĉi tie, se la prusoj atingas ĉi tiun lokon."

Intertempe, revenas Sinjoro de Fréchêde. Per malmultaj vortoj, li estas informita pri la situacio.

"Se vi bonvolas veni kun mi por viziti la kuraciston de la hospitalo, li diras al mi, ni ne perdu tempon."

Viziti la kuraciston ! Dio mia ! Kaj kiel klarigi al li mian eliron de la hospitalo ! Mi ne kuraĝas eldiri vorton ; mi sekvas mian protektanton, demandante al mi, kiel ĉio finiĝos. Ni alvenas, la kuracisto rigardas min kun mirego. Mi ne lasas al li la tempon malfermi la buŝon, kaj mi elŝprucas kun mirinda parolemo sinsekvon da plendaĵoj pri mia malgaja situacio.

Sinjoro de Fréchêde siavice ekparolas kaj petas de li, miafavore, dumonatan forpermeson pro konvalesko.

"Sinjoro estas fakte sufiĉe malsana, diras la kuracisto, por rajti je dumonata forpermeso ; se miaj kolegoj kaj la generalo samopinios kiel mi, via protektito povos, post malmultaj tagoj, reiri al Parizo."

"Bone, replikas Sinjoro de Fréchêde ; mi dankas vin, doktoro ; mi hodiaŭ vespere parolos pri tio kun la generalo."

Ni estas en la strato, mi sopiras pro spiritsenpeziĝo, mi manpremas la bonegan homon, kiu bonvolis interesiĝi pri mi, mi kuras priserĉi Franciskon. Ni apenaŭ havas tempon por reveni, ni alvenas je la krado de la hospitalo ; Francisko sonoras, mi salutas la religiulinon. Ŝi haltigas min :

"Ĉu vi ne diris, hodiaŭ matene, ke vi iris viziti la proviantan administracion ?"

"Jes, certe, estimata."

"Nu, la generalo ĵus eliris. Iru por vidi la direktoron kaj religiulinon Anĝela. Ili atendas vin ; vi klarigos al ili, sendube, la celon de viaj vizitoj al la provianta administracio."

Ni suprengrimpas, tute hontaj, la ŝtuparon al la dormejo. Religiulino Anĝela tieas, atendante nin, kaj ŝi diras al mi :

"Neniam mi estus kredinta tion ; vi kuris tra la tuta urbo, hieraŭ kaj hodiaŭ, kaj Dio scias kiajn eventojn vi travivis !"

"Ĉu vere ?" krietas mi.

Ŝi rigardas min tiel fikse, ke mi plu nenion diris.

"Tamen estas, ŝi daŭrigas, ke la generalo hodiaŭ vin renkontis ĉe la Ĉefplaco. Mi neis, ke vi eliris, kaj li serĉis vin en la tuta hospitalo. La generalo pravis, vi ne estis ĉi tie. Li petis viajn nomojn ; mi donis tiun de unu el vi, mi rifuzis diri la alian, kaj mi malpravis, tute certe, ĉar tion vi ne indas !"

"Kiom mi dankas vin, estimata !..."

Sed religiulino Anĝela ne plu aŭskultis min, ŝi estis indignita pro mia konduto ! Mi povis nur elekti unu sintenon, silenti, kaj ricevi la draŝon sen eĉ provi min ŝirmi. Dume, Francisko estis vokitas ĉe la direktoro, kaj ĉar, mi ne scias kial, oni lin suspektis min diboĉi, kaj, ĉar li estas iom fremdema, pro siaj ŝercaĵoj, en malbonaj rilatoj kun la kuracisto kaj la religiulinoj, estis anoncita ke li foriros la morgaŭon por reatingi sian korpuson.

"La inoj, ĉe kiuj ni tagmanĝis estas registritaj putinoj kaj ili denuncis nin, li certigas al mi, furioza. La direktoro mem tion diris al mi !".

Dum ni malbenis tiujn fiulinojn, kaj bedaŭris nian uniformon, kiu rekonigis nin facile, venas rumoro ke la Imperiestro estas malliberigita kaj ke oni proklamis la respublikon en Parizo ; mi donas unu frankon al maljunulo, kiu povis eliri, kaj kiu alportas al mi ekzempleron de *Le Gaulois*. La novaĵo estas vera. Ĝojegas la hospitalo. 'Forigita, Badinguet ! Jam tro malfrue ! Jen la milito fine finita !". La morgaŭan matenon, Francisko kaj mi kisas nin kaj li foriras. "Ĝis baldaŭ, krias li ferminte la kradon, kaj rendevuon en Parizo !"

Ho! Kiaj aĉaj tagoj sekvis ĉi tiun tagon! Kiaj suferoj! Kia rezigno! Ne eblis eliri la hospitalon; gardostaranto promenis, miahonore, laŭlonge antaŭ la pordo. Mi tamen havis la kuraĝon ne aldormemi ; mi promenis kiel enkaĝigita besto en la korteto. Mi tiel ŝtelvagis dum dekdu horoj. Mi konis mian malliberejon eĉ kaŝangule. Mi sciis la lokojn kie la parietarioj aŭ la muskoj kreskis, la murflankoj kiuj malfirmiĝis fendetiĝantaj. La malŝato de mia koridoro, de la krespa plateco de mia litaĉo, de mia lamentejo, de miaj vestaĵoj putriĝantaj pro malpureco, trafis min. Mi postvivis, sola, parolanta al neniu, piedfrapante la ŝtonetojn de la korto, vagante kiel maltrankvila animo sub la arkadoj pentraĉitaj per okro kiel la ĉambroj, revenante al la enirejkrado superigita de flago, suprenirinte al la unua etaĝo, kie estis mia kuŝloko, malsuprenirante al la luma kuirejo, kie la heleco de ĝiaj ruĝaj kupraĵoj brilis en la palega nudeco de la ĉambro. Mi ronĝis al mi la pugnojn pro senpacienco, rigardante, je precizaj horoj, la irojn kaj la venojn de miksado de civiluloj kaj soldatoj, pasantaj kaj repasantaj en ĉiuj etaĝoj, plenigantaj la galeriojn per ilia malrapida marŝado.

Mi ne plu havis fortojn por eviti la persekutojn de la religiulinoj, kiuj dimanĉe alpelis nin en la kapelon. Mi fariĝis monomaniulo; fiksa ideo min hantis: fuĝi kiel eble plej rapide el tiu lamentinda malliberejo. Krom tio, monproblemoj min premegis. Mia patrino sendis al mi cent frankojn al Dunkerko, kie mi estus devinta troviĝi, laŭdire. Tiu mono ne revenis. Mi antaŭvidis la tagon, kiam mi eĉ ne plu havus groŝon por aĉeti tabakon aŭ paperon. Dume, la tagoj sin sekvis. Gesinjoroj de Fréchêde ŝajne forgesis min, kaj mi opiniis ilian silenton kaŭzitan de miaj fuŝaĵoj, kiujn ili sendube eksciis. Baldaŭ aldoniĝis al tiuj angoroj teruraj doloroj: malbone kuracitaj kaj akrigitaj de la ekscesoj, kiujn mi faris, miaj internaĵoj flamis. Mi tiom suferis, ke mi eĉ timis ne plu povi elteni la vojaĝon. Mi kaŝis miajn suferojn, timante ke la kuracisto devigu min resti pli longe en la hospitalo. Mi kelkajn tagojn restis en la lito; kaj, ĉar mi sentis malfortiĝon, mi volis tamen ellitiĝi kaj mi malsupreniris en la korton. Religiulino Anĝela ne plu parolis al mi, kaj, vespere, kiam ŝi rondiris la koridorojn kaj la ĉambrojn, flanken rigardante por ne vidi la fajropunktojn de la pipoj, kiuj brilis en ombro, ŝi paŝis antaŭ mi, indiferenta, malvarma, nerigardanta.

Iun matenon, tamen, kiam mi langvoris en la korto, kaj falsidis sur ĉiuj benkoj, ŝi vidis min tiel ŝanĝita, tiel pala, ke ŝi ne povis malebligi al si movon kompatan. Vespere, post kiam ŝi finis sian viziton de la dormejoj, mi kubute apogis min sur mia kapkuseno kaj kun okuloj malfermitaj mi rigardis la bluecajn spurojn, kiujn la luno ĵetis tra la fenestroj de la koridoro, kiam la plejfora pordo denove malfermiĝis, kaj mi ekvidis, jen banita de

arĝentaj vaporoj, jen sombra kaj kvazaŭ vestita de nigra krepo, se ŝi paŝis antaŭ la fenestregoj aŭ la muroj, religiulinon Anĝelan kiu venis al mi. Ŝi kviete ridetis.

"Morgaŭ matene, ŝi diris, vi vizitos la kuracistojn. Mi hodiaŭ renkontis Sinjorinon de Fréchêde, kaj estas probable, ke post du aŭ tri tagoj, vi foriros al Parizo."

Mi saltegas en mia lito, mia vizaĝo lumiĝas, mi emus povi salti kaj kanti ; neniam mi estis pli feliĉa. Ekmatenas, mi vestiĝas, kaj tamen malkvieta, mi direktas min al la ĉambro, kie kunvenas oficiroj kaj kuracistoj. Unu post la aliaj, la soldatoj montradis torsojn kav-itajn per truoj aŭ bukeditaj per haroj. La generalo skrapis al si ungon, ĝendarma kolonelo ventumis sin per papero, la kuracistoj parolis inter si palpante la virojn. Mia vico fine alvenas: oni ekzamenas min tutkorpe, oni premas mian ventron kiu estas ŝvelanta kaj streĉita kiel balono, kaj, unuanime, la konsilantaro decidas konsentigi al mi konvaleskan forpermeson sesdektagan. Mi fine revidos mian patrinon! Mi retrovos miajn kutimajn objektojn kaj miajn librojn! Mi ne plu sentas tiun ruĝan brulstampilon, kiu brulas al mi la internaĵojn; mi saltas kiel kaprido!

Mi sciigas al mia familio la bonan novaĵon. Mia patrino sendas leteron post letero, miriganta, ke mi ne alvenas. Ve! Mia forpermeso devas esti subskribita en la Divizio de Rueno. Ĝi revenas post kvin tagoj; mi laŭregulas, mi iras por paroli kun religiulino Anĝela, mi petas ŝin havigi al mi, antaŭ la horo de mia foriro, elirpermeson por iri danki gesinjorojn de Fréchêde, kiuj estis bonaj al mi; mi kuras al la hejmo de tiuj bonuloj, kiuj devigas min akcepti koltukon kaj kvindek frankojn por la vojaĝo; mi iras preni mian oficialan dokumenton al la provizanta administracio, mi reeniras la hospitalon, restas al mi nur kelkaj minutoj. Mi serĉas religiulion Anĝelan kaj trovas ŝin en la ĝardeno, kaj mi diras al ŝi, ege emociita : "O, kara religiulino, foriras mi ; ĉu iam mi povos sensŝuldiĝi rilate vin ?" Mi prenas ŝian manon, kiun ŝi volas depreni, kaj mi ĝin proksimigas de miaj lipoj. Ŝi ruĝiĝas." Adiaŭ, ŝi murmuras, kaj minacante min per fingro, ŝi gaje aldonas: estu saĝa, kaj ĉefe ne faru malbonajn renkontiĝojn survoje !"

"O, ne timu, kara, tion mi promesas al vi!" Sonoras la horo, la pordego malfermiĝas, mi urĝas al la stacidomo, mi saltas en vagonon, la trajno foriras, mi forlasis Evreux.

La kupeo estas duonplena, sed feliĉe mi sidas en angulo. Mi rigardas tra la fenestro, mi vidas kelkajn arbojn sen suproj, kelkajn pecojn da montetoj kiuj fore serpentumas kaj ponton super granda marĉo kiu brilas pro la suno kiel vitropeco. Ĉio tio ne estas tre gajiga. Mi reenprofundiĝas en mian angulon, foje rigardanta la dratojn de la telegrafo, kiujn strekas la ĉielbluon per nigraj linioj ; kiam la trajno haltas, la vojaĝantoj, kiuj ĉirkaŭas min, eliras, la pordo fermiĝas kaj jen denove malfermiĝas kaj lasas pasi junulinon. Dum ŝi sidiĝis kaj defaldas sian robon, mi ekvidas ŝian vizaĝon sub la flirtado de la vualo. Ŝi estas ĉarma, kun okuloj plenaj el ĉiela bluo, lipoj purpure makulitaj, blankaj dentoj, haroj el maturmaiza koloro.

Mi ekkonversacias : ŝi nomiĝas Reĝina kaj brodas florojn: ni parolas kiel geamikoj. Subite, ŝi paliĝas kaj eksvenas; mi malfermas la fenestretojn, mi proponas al ŝi flakonon da odorsaloj, kiun mi hazarde kunportis okaze de mia foriro; ŝi dankas min, estas nenio, ŝi diras, kaj ŝi apogas sin sur mia sako por provi dormi. Feliĉe, ke ni estas solaj en la kupeo, sed la ligna barilo, kiu disigas en egalaj partoj la karoserion de la vagono altas nur duonkorpe, kaj oni vidas, kaj ĉefe aŭdas la bruojn kaj la dikajn ridojn de gekamparanoj. Mi volonte estus ilin frapanta, tiujn kretenojn, kiuj ĝenas ŝian dormon ! Mi kontentiĝis per aŭskultado de la stultaj frazaĵoj, kiujn ili interŝanĝis pri politiko. Mi rapide ne plu eltenas ; mi ŝtopas al mi la orelojn, mi provas ankaŭ ekdormi ; sed tiu frazo, dirita de la staciestro de la lasta haltejo: "Vi ne atingos Parizon, la trako estas interrompita en Mantes", revenas en ĉiuj miaj revaĵoj kiel obstina refreno. Mi malfermas la okulojn, ankaŭ mia najbarino vekiĝas : mi ne volas partoprenigi al ŝi miajn timojn ; ni mallaŭtvoĉe parolas, ŝi sciigas al mi, ke ŝi iras retrovi sian patrinon en Sevres. "Sed, mi diras al ŝi, la trajno alvenos en Parizo post la dekunua vespere, vi ne havos tempon sufiĉan por atingi la stacion de la maldekstra riverbordo. Kiel fari, ŝi diras, se mia frato ne tieas, je la alveno ?".

O mizero, mi estas malpura kiel kombilo, kaj mia ventro brulas! Mi ne povas sonĝi venigi ŝin en mian fraŭlan loĝejon, kaj, antaŭ ĉio mi volas iri ĉe mia patrino. Kion fari ? Mi rigardas Reĝinan kun angoro, mi prenas ŝian manon ; je tiu momento, la trajno ŝanĝas la vojon, la skuo ŝin ĵetas antaŭen, niaj lipoj proksimiĝas, ili tuŝas sin, mi premas la miajn rapide, ŝi ruĝiĝas ; Dio! Ŝia buŝo etete moviĝas, ŝi redonas al mi mian kison, longa tremeto kuras sur mia spino, je la kontakto de tiuj ardaj braĝoj, mi preskaŭ svenas: ha! religiulino Anĝela, religiulino Anĝela, ne eblas ŝanĝiĝi!

Kaj la trajno muĝas kaj progresas sen malrapidigi sian iron, ni tutvapore urĝas al Mantes; miaj timoj estis vanaj, la vojo liberas. Reĝina duonfermas siajn okulojn, ŝia kapo falas sur mian ŝultron, ŝiaj frizaĵetoj miksiĝas en mian barbon kaj tiklas al mi la lipojn, mi subtenas ŝian talion, kiu kurbiĝas kaj mi lulas ŝin. Parizo ne estas fora, ni pasas antaŭ la varaj dokoj, antaŭ la vojkrucoj, kie gruntas en ruĝa vaporo la varmiĝantaj lokomotivoj ; la trajno haltas, oni kontrolas la biletojn. Post pripensado, mi unue kondukos Reĝinan al mia fraŭla loĝejo. Espereble, ŝia frato ne atendos ŝin je la alveno ! Ni eliras de la vagono, ŝia frato tieas. Post kvin tagoj, ŝi diras al mi, kun ŝia kiso, kaj la bela birdo forflugas ! Kvin tagojn poste, mi estis en mia lito terure malsana, kaj la prusoj okupaciis Sevres. Neniam plu poste mi ŝin revidis.

Mi estas streĉitkora, mi eksopiras ; tamen, ne estas momento esti malgaja! Mi nun skuatas en fiakro, mi rekonas mian kvartalon, mi alvenas antaŭ la domo de mia patrino, mi supreniras la ŝtuparojn rapidege, mi haste sonoras, la servistino malfermas. Jen Sinjoro! kaj ŝi kuras informi mian patrinon, kiu impetas mianrenkonten, paliĝas, kisas min, rigardas min laŭ tuta korpo, iom malproksimiĝas, rerigardas min, kaj denove kisas min. Dume, la servistino priŝtelis la manĝaĵ-rezervejojn. "Vi certe malsatas, Sinjoro Eŭgeno?" "Jes ja malsatas mi!". Mi voras ĉion, kion oni donas al mi, mi glutas plenajn vinglasojn; verdire, mi ne scias, kion mi manĝas kaj trinkas !

Mi fine revenas miahejme por enlitiĝi! Mi retrovas mian loĝejon tian, kian mi lasis ĝin. Mi ĝin trarigardas, radie, kaj mi sidas sur la divano, kaj tie restas mi,

ekstaza, beata, pleniganta miajn okulojn per la vido de miaj bagatelaĵoj kaj miaj libroj. Mi tamen senvestiĝas, abundakve purigas min, sonĝante ke por la unua fojo de monatoj, mi eniros en puran liton kun blankaj piedoj kaj tranĉitaj ungoj. Mi saltas sur la somieron, kiu reagas, mi enfosas mian kapon en la plumojn, miaj okuloj fermiĝas, mi flosas plenvele en la revolando.

Min impresis vidi Franciskon fajrigante sian dikan lignopipon, religiulinon Anĝelan rigardante min paŭtetanta, kaj Reĝinan paŝantan al mi, mi vekiĝas abrupte, mi insulte nomas min kreteno kaj mi reenprofundiĝas en la kapkusenoj, sed la ventraj doloroj, momente forgesitaj, nun vekiĝas pro nervoj malpli streĉitaj kaj mi malrapide frotas al mi la ventron, pensante ke la teruro de disenterio trenita en lokoj kie ĉiuj agas, senpudore, kune, fine ne plu ekzistas! Mi estas en mia hejmo, en mia persona necesejo! Kaj mi diras al mi, ke estas necese vivi en la multhomeco de la hospitaloj kaj de la bivakoj por alte taksi la valoron de akvopelveto, por ĝui la solecon de la lokoj, kie oni demetas la pantalonon, komforte.

---

## Legi

**Beletra Almanako**, N-ro 2 (Marto 2008). Libroformata, 144 paĝoj. Eldonejo Mondial.

Longan vivon ni deziras al tiu ĉi Almanako, belaspekta, kiu senprobleme trovos lokon en via biblioteko. La numeron unu mi recenzis, akurate, por la revuo *Esperanto*. En ĉi numero la Belartaj Konkursoj limiĝas al 20-paĝa teatraĵo de Stefan MacGill. La 120 aliaj paĝoj dividiĝas en poezio, kun Benoît Philippe, Baldur Ragnarsson, Mao Zifu kaj Maurice Wittenberg; en prozo, kun Filipo Dorcas, Carmel Mallia, Alejandro Cossavella, Reinaldo Marcelo Ferreira kaj Tomasz Chmielik; en teatro, kun Paul Gubbins; en eseoj, kun Humphrey Tonkin, Trevor Steele kaj Paul Gubbins; en recenzoj, kun Carlo Minnaja, Gonçalo Neves, Jorge Camacho kaj Christian Declerck. Naŭ fotoj de Enrique kaj Nuria Cano aerumas la tuton.

Tiuj, kiuj plezure legis Fonton ne devas heziti tuj aboni la *boao*-n! Detalojn legu ĉe: <www.librejo.com/beletra-almanako/prezoj.html>

**Ĉu vi konas Blaise Cendrars?**, romano de Manuel de Seabra, 85 paĝoj, IEM 2007.

En la savano, la leŭtenanto Konrado serĉas libron – pri poezio – kiun li perdis dum li patrolis. "Tiun libron, kun malpuraj kovriloj, la paĝoj flavaj pro la suno kaj la foliumado, por li aĉetis Nelly iun tagon en la Libra Foiro, brokante, kaj li perdis ĝin en la afrika ĝangalo." Nepras por Konrado retrovi tiun libron de Blaise Cendrars. Denove kun patrolo, li ĉie serĉas la libron, "sentime pri la serpentoj, aŭ minoj." Plie Konrado havas bonan amikon, Joal, "de la malamika bando". Li lasas al sia amiko librojn en arbo. Joal prenas ilin kaj redonas en la sama maniero. "Kaj li estis negro? Ah vi estas freneza! Ambaŭ estas frenezaj! Pro tio ke vi lasis librojn al tiu teroristo oni povus mortpafi vin aŭ vi povus perdi kruron!"

Legu tiun ĉi romanon, kiel longan poemon. Kun Konrado kaj Joal vi eble "murmuros la samajn versojn de Cendrars"

*Hodiaŭ mi estas la plej feliĉa homo en la mondo*
*Mi havas ĉion, kion mi ne dezirас*

"Ĝi estis la plej danĝera pruntedona biblioteko en la mondo." Dankon, Manuel, vi ensorĉas nin!

**El la ciklo "2005-2006"**, Nicolas R. St. Julien, Vulgara Internacia Presejo, Bugras (Vulgario), 2008. 40 paĝa.

Ĉi tiu kolekto de poemoj; suplemento al *Parodioj kaj sonetoj* (vd. LKK-on-122), estas la dua kaj lasta poemaro samtema de la enigma poeto.

Verdire nia enigma poeto konstatas, ke li ne estas la nura fikanto de la amatino!:

*La roloj estis ŝanĝitaj:*
*mi jam ne plu estis nova konkerito,*
*sed nova kokrito.*

Sed tamen li neniam perdas humursenton. Frandu la poemon "Envio"

*Kiam ŝi estis malgranda*
*ŝi enviis sian fraton*
*pro lia peniso.*
*Ili kreskis*
*kaj li restis kun nur unu*
*dum ŝi akiris*
*tiom kiom ŝi volis.*

Mi ne scias ĉu vi povos akiri tiun ĉarman poŝformatan libreton, sed mi flaras ke post kelkaj jaroj nia enigma poeto rikoltos la laŭrojn, kiujn li meritas...

**Spegulo**, printempo 2008. Dankon, dankon, dankon por la mirinda poemego (9-paĝa) de Julian Tuwim, en eminenta traduko de Lidia Ligęza. La enkonduko de Tomasz Chmielik ebligas familiariĝi kun la granda pola poeto.

Krome jen fragmentoj el aperontaj romanoj de Trevor Steele kaj Mikaelo Bronŝtejn, rakonteto de Luiza Carol, du artikoloj de Tomasz S. Chmielik (la filo) pri la filmistoj Krzysztof Kieslowski kaj Sembene Ousmane, recenzoj, ekstrakto el romano de Halina Birenbaum, *Espero mortas la lasta*, atesto de la memoro pri la Holokaŭsto, en traduko de Tomasz Chmielik (la patro!), ktp.

Do, multon por legi. Bedaŭrinde mankas enhavtabelo; ĉu intence?

Spegulo, Beletra Almanako, LKK kiu ŝvelas, ĉu niaj aŭtoroj plimultnombris aŭ ĉu ili pli abunde verkas? Ĉiel ni ne plendos, nur eble iom bedaŭras la manko de humuro en la du supre citita gazetoj!







Tiu rakonto bezonus multe da paĝoj sed vi povus opinii ke mi iom plilongigas intence la aferon.




Merkrede ...




Jaŭde...




Vendrede, Sabate... Tagoj sinsekvas unu la aliajn...
Nu... preskaŭ...






# ie, iam en mezepoko...

ĉastema epizodo

Bild-deliraĵo far Sir

La KancerKliniko n°126 Avril-Mai-Juin 2008
Directeur de la publication: Jacques Le Puil
18210 Thaumiers France
Imprimé par nos soins (c'est dire !)

Lunde



















Marde







